*de ASE sine de SSOD. Lia karakterizo de SSOD, organizo "spionanta esperantistojn, suspektanta ilin pri malbonfaroj, opinianta ilin kontraŭsovetiaj agentoj" kaj "kompromitanta" sian propran ŝtaton, egalas al furioza kondamno. La atmosferon en SSOD Samodaj priskribas kiel "ĝenerale malsanecan". La funkciulojn de SSOD li nomis "ĝendarmoj" (p.162), kaj entute li vidis du frakciojn agi unu kontraŭ la alian: la "pozitivulojn", t.e. la verajn e-istojn kiel Verŝinin, Bokarjov, Podkaminer, Gusev, Armand, Gonĉarov, Kolker, k.m.a. (Isaev mankas eksplicite en tiu listo de Samodaj, sed li eble troviĝas sub la "multegaj-multegaj aliaj"), kaj la "negativulojn", t.e. la "kontraŭesperantistojn" kaj reprezentantojn de SSOD kiel Makovskij, Saakov, Berjoza, Ŝanina, Peslak kaj iliajn "helpantojn" en la e-ista medio (sen nomi nomojn). Laŭ Samodaj kaj ties samopiniantoj, la ĉilastaj havis la taskon kontroli kaj bremsi la Eo-agadon, kvankam ili cinike asertis, ke ili volis "nur helpi" al la e-istoj. Do la rilatoj inter tiuj "frakcioj" povis esti dekomence nur streĉitaj kaj karakterizataj de reciproka malfido, malamo kaj kverelemo. En sia libro Bronŝtejn aperigis sur p. 222 anekse cinikan burokratiecan respondon de Ŝanina el la jaro 1985, en kiu ŝi havis la okazon plenforte vivi sian potencon rilate la demandon kiu vojaĝu al eksterlando kaj kiu ne, kiu estas konsiderata kiel inda persono el la vidpunkto de SSOD kaj kiu ne, ktp. La lasta frazo de ŝia (supozeble "standarda") letero tekstis jene: "Ĉiu vojaĝo de esperantisto eksterlanden estas rigardata kiel honorigo pro bona laboro."*

## ISAEV KAJ ALIAJ

*Ni sekve analizu aliajn centrajn figurojn de la sovetia Eo-movado. Pri Magomet Izmajloviĉ Isaev Samodaj skribis en sia libro (p.132): "Labori kun Isaev ne estis facile. Li estis sincera esperantisto, sed neniam partoprenis kluban movadon, ne ĉiam komprenis la bezonojn de sovetiaj esperantistoj…".*

*Kiel do karakterizi la personecon kaj la pozicion de Magomet Isaev? Ĉu li estis unuavice interlingvisto aŭ esperantisto? Ĉu laŭ vi la interlingvistika agado de Isaev estis utila?*

***Gonĉarov:*** Isaev estis tre singardema laŭ la naturo, sed tre bonkora homo laŭ la kaŭkaza kutimo. Li nur iom simpatiis al ni, do SEJM, kaj se ni (tre malofte) ion petis de li, ekzemple prelegi, li plenumis la peton, sed nur se la afero estis oficiala. Tamen lia plej granda kontribuo movada estis organizi kaj dum pluraj jaroj gvidi oficialan interlingvistikan grupon ĉe la Akademio de Sciencoj.

*En 2003 aperis en Rusia Esperanto-Gazeto longa kaj parte tre kortuŝa aŭtobiografieca-memuareca artikolo de Magomet Isaev, kiun registris kaj esperantigis N.Gudskov kaj A.Junusov. Ĝin mi vere legis kelkfoje kun grandega interesiĝo, ĉar ĝis nun mi sciis malmulte pri tiu respektinda samideano, kiu originas el Norda Osetio. Ĉi-jare li fariĝis 80-jara; en tiu artikolo estas priskribataj lia profesia kariero de vilaĝo al ĉefurbo kaj la signifo de lia propra kontribuo al la interlingvistika kaj Eo-laboro el persona vidpunkto. Kiel li mem rakontas, kiel homon zorgigis lin multaj demandoj, krom la internacilingva problemo ekzemple ankaŭ la sorto de "disidentaj junuloj". Kaj en la sama artikolo li ankaŭ klarigas "kiom multe kaj akre" li "diskutis kun gvidantoj de SSOD" por "persvadi" ilin, ke oni povu atingi ion, eĉ*

*multon, kvankam multaj ideoj restis neefektivigeblaj.*

***Kolker:*** Magomet Isaev dum dek jaroj de lia ASE-prezidanteco faris kion li povis. Li estis honesta persono, konvinkita e-isto, aŭtoro de seriozaj Eo-lernolibroj. Sed li estis singarda, ne povis riski sian karieron kaj membrecon en la partio, kiu postulis disciplinon kaj subiĝon al la ordonoj de CK. Li estis kaj interlingvisto kaj e-isto. Kaj li estis gvidanto de postdiplomaj studoj kaj doktorigaj disertacioj pri interlingvistiko por Dina Lukjanec, Boris Kolker kaj Leonid Mjasnikov. Jes, lia interlingvistika agado, inkluzive publikigon de interlingvistikaj artikolaroj, estis utila.

*Mi iom legis la ruslingvajn librojn de Isaev pri sovetia lingvopolitko, kiujn mi konsideras tro ideologiecaj, sed tamen por la tiama fakdiskuto en Sovetunio verŝajne parte interesaj. Eblas diri, ke ili apartenas al la historio. Kiam mi staĝis en 1988-89 en Moskvo ĉe Instituto de Lingvoscienco por okupiĝi pri mia universitata diplomverko, fakte neniam okazis persona renkontiĝo kun Isaev, sed ial mi ankaŭ ne aparte serĉis tian kontakton, havante sufiĉajn rilatojn kun aliaj sovetiaj e-istoj. Mia scienca "patro" en Sovetunio tiam estis S.N.Kuznecov, kies personeco min impresis kaj kies lingvistikaj verkoj estas rimarkinde liberaj aŭ puraj de ideologia balasto. Bedaŭrinde liaj libroj aperis en terure malbonkvalita tipografio, dum la broŝuroj kun la banalaj paroloj de Breĵnev ricevis bonkvalitan tipografion.*

***Kolker:*** Multaj e-istoj ne fidis Isaev-on, ĉar ili opiniis lin oficialulo, kiu plenumas ordonojn de supre. Eĉ pli lin malfidis SSOD-anoj, opiniante lin tro esperantisma, subtenanta e-istojn. SSOD-anoj eĉ intencis forigi lin el la posteno de prezidanto. Ĉar tiun postenon devis okupi persono kun socia graveco, ili pensis pri profesoro Viktor Grigorjev. Tamen Grigorjev malakceptis tiun ideon, ĉar li ne ŝatus "ludi" kun oficialuloj. Ili ne sciis, ke Grigorjev estis homo principa kaj ne permesus, ke oni manipulu lin.

*Tre interesa nuancigo, kiu klarigas la komplikajn rilatojn inter la diversaj Eo-roluloj kaj la sistemo. En sia memuara rakonto, menciita supre, Isaev rakontis ankaŭ, ke li devis verki iun raporton por la scienca fako de la CK de KPSU, kiu ŝajne trafis ankaŭ la personan atenton de Andropov. La reago de la KŜS-estro estis eĉ pozitiva al tiu raporto, kio poste ŝajne favore influis la fondon de ASE.*

***Kolker:*** Mi vere ne scias, ĉu Andropov havis iun rilaton al ASE aŭ al ties fondo.

*Efektive en iu protokolo de la sekretariaro de CK KPSU el la jaro 1978 (kaj publikigita en la libro de Samodaj, p.153-6), kiu havis la statuson kiel "absolute sekreta" kaj kiu enkondukis la fondan procezon de ASE, kiel unu el la ĉefaj taskoj de la nova asocio estis difinita jena celo: "efektivigi kontrolon pri la agado de rondetoj kaj aliaj organizaj formoj de sovetiaj esperantistoj". La disvastigo de Eo kiel celo ne estis difinita, sed almenaŭ fiksita "helpi la lernantojn de Esperanto en disponigo de ejoj, eldonado de lerniloj kaj alia literaturo en Esperanto, kaj ankaŭ okazigo de seminarioj k.t.p.". Aliaj celoj estis "altigi la politikan nivelon de ilia laboro, eduki ĉe la sovetiaj esperantistoj sentojn de patriotismo kaj internaciismo,*

*de senkompromisa rilato al la burĝa ideologio; (...) uzi la esperantistan movadon por informa-propaganda laboro" ktp.*

*Sed revene al ASE: kiujn ĉefajn interesojn do havis la estraranoj de ASE? (profesiaj, sciencaj, aliaj?)*

***Kolker:*** Nu, duono (aŭ pli?) de la estraranoj de ASE estis neesperantistoj (eble iuj eĉ kontraŭ-esperantistoj). Ilia intereso estis plenumi ordonojn de siaj estroj por bremsadi la Eo-movadon. Isaev, Samodaj, Zubkov, Perevalov kaj mi en ASE havis movadajn interesojn, sed ne ĉio de ili aŭ ni dependis.

*Kiel pritaksi la kontribuon de Evgenij Bokarjov, Semjon Podkaminer? Ĉu Bokarjov interesiĝis esence pri lingvistiko, dum Podkaminer ankaŭ pri historio kaj ideologio?*

***Kolker:*** Bokarjov estis konvinkita e-isto, saĝa interlingvisto kaj aŭtoritata lingvisto. Podkaminer estis aktiva aganto, sed tro politikema. Por mi estis surprize, kial li, kiu pritaksis UEA-n kontraŭsovetia organizo, povis fariĝi honora membro de UEA.

***Gonĉarov:*** Bokarjov estis vera kaj altnivela sciencisto. Li interesiĝis esence pri lingvistiko kaj pri ĉio cetera esperantisma li volis nur helpi, vidante kiel suferas la esperantismo sub la soveta potenco. Podkaminer estis ekskolonelo kaj socie aktiva personeco. Li estis tute amatora lingvisto, sed tre aktiva pacbatalanto, kaj en kaj ekster la Eo-movado. Li helpis al KŜS-anoj, sed laŭ mia opinio ankaŭ gardante interesojn de Eo kaj e-istoj. Kaj ambaŭ estis fundaj e-istoj.

*La honorigo de meritoplenaj membroj el komunismaj landoj, kies eventuala politika rolo estas suspektata, fare de UEA laŭ mi estas iom tikla afero. Sed ne estas la loko diskuti tion ĉi tie. Ĉi tiu problemo estas la problemo unuavice de UEA mem, de la koncernataj honoritoj kaj de la koncernaj Landaj Asocioj. Ankaŭ nia intervjuo servu kiel kontribuo prilabori la historian pasintecon por formuli la pritakson pri la pasintaj eventoj el hodiaŭa perspektivo.*

## ESPERANTO EN LA REGIONOJ

*Parolante pri regionoj, jena demando: En la provinco de Sovetunio ekzistis sufiĉe multaj Eo-kluboj, kiuj laŭ la bulteno "Informacionnij Bjulletenj" estis aligitaj al ASE. Kion eblas diri ĝenerale kaj principe pri la agado de tiuj lokaj societoj? Ĉu ASE havis la taskon kontroli la agadon de tiuj kluboj?*

***Gonĉarov:*** ASE estis duvizaĝa. La unua vizaĝo – SSOD-aj funkciuloj certe dezirus kontroli ĉion kaj ĉiam. La Eo-parto de la estraro dezirus kontroli la provincajn Eo-klubojn en la senco de helpo kaj analizo k.s. Sed jam ne ekzistis strukturo SEJM-a, kie ĉio tio funkciis pere de ĉiujaraj konferencoj (tute demokratiaj, kaj kia demokratio estis kompare kun patroneco de SSOD?) kaj Eo-lingvaj samizdataj informiloj, sed la ASE-bulteno jam estis kontrolata de SSOD kaj ne absolute ĉion oni povis tie libere skribi.

*Jes, kompreneble, sed ekzemple en n-ro 6-7/1982 aperis artikolo de Detlev Blanke pri la historio de SEU kun listigo de la persekutitaj esperantistoj en 1937-39, sed nature sen mencio de tiu fakto, kiu estis tabuo.*

*Cetere, kiam en Moskvo siatempe oni kaŝe transdonis al mi tutan kolekton de la bulteno "Informacionnij Bjulletenj" de ASE, oni avertis min ke temas pri publikaĵo, kiu ne estas destinita por eksterlando. En tio ĝi ja strange estis la inverso de samizdato. Do okaze de kontrolo ĉe la landlimo necesis atenti, ke la bulteno ne estu malkovrita. Ĝis hodiaŭ mi gardas la numerojn de tiu legendeca bulteno kiel eta trezoro en mia biblioteko.*

*Ĉu eblas kompari la trajtojn kaj la programon de tiuj provincaj sekcioj kun iuj moskvaj Eo-kluboj, ekzemple tiu de A.Gonĉarov ("Leo Tolstoj")? Kiujn problemojn havis tiuj kluboj? Kio pri la lingvouzado?*

***Kolker:*** La lokaj Eo-kluboj estis diversaj laŭ grandeco, aktiveco kaj forteco. Ili ne tre dependis de la ASE-estraro. La plimulto de ili funkciis sufiĉe bone, havis bonajn kontaktojn kun lokaj oficialuloj kaj redakcioj de gazetoj. En la kunvenoj oni parolis precipe en Eo. Ankaŭ problemoj ekzistis – jen pri kunvenejo, jen pri nesufiĉa intereso surloke de eksteruloj, ktp.

***Gonĉarov:*** La provincaj kluboj havis mankon de demokratiaj informoj pri ĉio okazanta en sovetia Esperantio. La ASE-bulteno ne pri ĉio informis. La trajtoj de la lokaj Eo-kluboj jam diferencis de tiuj de SEJM, kie okazis homa komuneco kaj kunamikeco. Ĉi tiu temo ankoraŭ ne estas sufiĉe bone elsplorita, pro tio malfacilas al mi nun esprimi min pri ĝi en kelkaj frazoj. Fakte ne eblas kompari la provincajn klubojn kaj la moskvajn. Dum la SEJM-a periodo la moskva Eo-agado estis neelstare aktiva. La situacio ŝanĝiĝis nur kun mia ekdeziro en 1987 lasi la lastan karieron (sciencan) kaj plene dediĉi min al la Eo-laboro. Kun la helpo de Zinovij Kurolap mi trovis Domon de Kulturo (apud metro-haltejo Kropotkinskaja), kiu konsentis okazigi regulan Eo-instruadon. Tiel rapide aperis la Eo-klubo "Lev Tolstoj", kiu fakte plene dependis de mia vervo.

Koncerne la lingvouzadon en tiuj kluboj eblas diri, ke la Eo-societoj, kiuj venis el la SEJM-tradicio, nepre ne uzis la rusan lingvon, ĉar ili alkutimiĝis al Eo kiel sia dua propra lingvo (krom iom da esceptoj). Se temas pri la societoj fonditaj dum la ASE-periodo, pluraj el el ili uzis ofte la rusan lingvon kaj lame Eon.

*Mi bone memoras vian elstaran agadon kadre de la Eo-klubo "Lev Tolstoj", kie en 1988-89 mi havis la okazon iom partopreni en la programo kaj konstrui kontaktojn kun rusaj e-istoj, kiuj ekzistas varmaj ĝis nun. Ĉi tiu movada sperto en Moskvo estis ankaŭ por mi tre unika.*

***Gonĉarov:*** Tiu moskva klubo estis escepto. Kun granda bedaŭro mi konstatas, ke ofte en Esperantio aferoj dependas de iuj apartaj homoj, sed ne de la afero mem.

## KONTAKTOJ KUN EKSTERLANDO

*Ĉu sovetiaj e-istoj, kiuj povis veturi al Eo-kongresoj en eksterlando, precipe okcidenta, havis iujn KŜS-funkciojn rilate la grupon, kiun ili gvidis aŭ akompanis? Se jes, kiel konkretaj estis tiuj funkcioj? Kaj kiam vi povis ekvojaĝi?*

***Kolker:*** Estas malfacile scii tion. Sed ofte en la delegacioj kaj turistaj grupoj troviĝis iuj enigmaj kaj neparolemaj personoj, kiuj ne parolis Eon kaj kiuj prezentiĝis kiel laborantoj de SSOD (eble tiaj ili ne estis). En 1963 sovetianoj unuafoje

partoprenis en UK, en tiu en Sofio. Mi bonŝancis esti inter la 35 feliĉuloj (kaj estis preskaŭ la plej juna). Tiam mi ekhavis multajn internaciajn kontaktojn, ekzemple, mi konatiĝis tie kun Humphrey Tonkin, kiu igis min aĉeti la provnumeron de "Kontakto". Dum pluraj jaroj SSOD sendis oficialan tri-personan delegacion al UK, por kiu pagis la ŝtato. Mi bonŝancis trafi UK-on sekvafoje nur en 1978 en Varna. Kompreneble, miajn vojaĝojn mi pagis mem kaj estis tute feliĉa, ke mi havas eblon partopreni la kongresojn. Mi estis en la okcidenteŭropaj UKoj en 1979 (Lucerno) kaj 1982 (Antverpeno) – nu mi estis tiam prezidiano de ASE. Sed la afero, certe, estis nesimpla. Post la UK en Budapeŝto (1983) mi ne plu havis eblon veturi eksterlanden pro mia fifama recenzo pri la israela libro (vd. plej lastan demandon sube). Miaj sekvaj UKoj estis en 1990 (Havano) kaj 1992 (Vieno); ASE tiam ne plu ekzistis, regis la perestrojko kaj ioma libero.

*En Lucerno 1979 mi estis ĵus aliĝinta al la Eo-movado kaj helpis al la gazetara servo. Mi do tre ĝojas, ke Boris Kolker vidis mian belan naskiĝurbon. En 1982 mi memoras, ke Boris Kolker kaj mi kune sidis en la solena inaŭguro kaj interkonatiĝis.*

***Gonĉarov:*** Mi pensas, ke iuj e-istoj ankaŭ en la ASE-periodo transdonis informojn al KŜS, sed kutime tamen gardante Eo-interesojn. La grupojn eksterlanden ĉiam gvidis nur SSOD-funkciuloj, jamaj/iamaj KŜS-anoj. Ilia tasko estis ĉefe, ke la membroj de la grupo ĉiam restu kune, sub observo, kaj ke ili ne iru ien ajn memstare ktp.

*Cibulevskij notis en sia broŝuro pri SEJM, p.87, ke veturi eksterlanden estis ne pli facile, ol fariĝi laŭreato de Nobel-premio. Kaj samloke li ne maltrafas la okazon tamen laŭdi SSOD-on respektive ties Eo-Komisionon fonditan en 1962, kiu, "malgraŭ ĉiuj siaj negativaj flankoj", kontribuis al la efektivigo de eksterlandaj veturoj.*

## SUFIĈAS LA MALHELPOJ!

*Kial la e-istoj deklaris la "laboron de ASE nekontentiga" en rezolucio proklamita okaze de la SEU-restarigo en 1989? Kiuj estis la ĉefaj riproĉoj al ASE?*

***Kolker:*** Ni estis sataj pri konstanta bremsado kaj malhelpado flanke de SSOD, eĉ persekuto de iuj aktivuloj. SSOD-anoj sentis sin mastroj de ASE kaj faradis kun ĝi kion ajn ili volis. Kiam venis la tempo de perestrojko, ni uzis la favoran momenton por deklari nin sendependaj. La oficialaj protektantoj (SSOD, CK VLKSM de Komsomolo, VCSPS – Konsilio de Profesiaj sindikatoj) estis ŝokitaj kaj ĉiel kontraŭis tion dum la lasta ASE-kongreso. Kontraŭstatute la kongresoj de SEU ne okazis. Oni kontraŭis registriĝon de SEU kiel jura personeco.

***Gonĉarov:*** Mi ne plu bone memoras la tiamajn eventojn (en 1991 mi translokiĝis de Moskvo Siberion), sed mi povas nur supozi, ke pluraj komparis la ASE-laboron kun la (ankoraŭ freŝmemora) SEJM-laboro, kaj venis al la konkludo, ke la rezultoj estis draste malsamaj.

*Mi mem vigle memoras tiun emociplenan konferencon en Moskvo, dum kiu SEU estis restarigita, printempo 1989. Antaŭe, en decembro 1988, mi havis la oka-*

*zon dum vizito de la tiama litova sovetrespubliko ĉeesti la refondon de Litova Esperanto-Asocio en Kaunas. La nepridubebla dezirego de la baltaj respublikoj forlasi Sovetunion estis kompreneble forte sentebla.*

## LA "JUDA DEMANDO"

*Plej lasta temo, kiun mi ŝatus trakti en tiu ĉi intervjuo: En la sovetia Eo-movado aperis kelkaj juddevenaj samideanoj (krom Armand, Podkaminer, Kolker, Bronŝtejn, Zajdman, Aroloviĉ ankaŭ Giŝpling, Cejtin, Ĥarjkovskij, Vulfoviĉ, Kurolap, Ŝljafer, Fejgin, Lineckij, Vajnblat k.a.), kiuj ludis gvidan aŭ aktivan rolon. Proporcie judoj eble eĉ estis en la sovetia Eo-movado pli multaj kompare kun la ceteraj etnoj aŭ identecoj – kio cetere estas frapa paralelo kompare kun la proporcio de judoj ludintaj rolon en la sovetia revolucio de 1917 kaj poste en la lenina-stalina administracio dum la 20aj jaroj! En la 60aj jaroj komplikiĝis la "juda demando" en Sovetunio, antisemitismaj kaj kontraŭcionismaj tendencoj fortiĝis lige kun la kontraŭisraela politiko de Moskvo. Pro la politike malfavoraj tempoj, la variebla ĝis necerta situacio de la labormerkato kaj entute pro la mankantaj vivperspektivoj en Sovetunio, la plimulto de la judoj strebis forlasi la landon. Komence nur relative malmultaj judoj povis foriri el Sovetunio, sole 3500 inter 1966 kaj 1967, 13 000 en 1970. La kulmino de la juda elmigrado el Sovetunio estis atingita en 1990 per 225 000 elmigroj. Ĝis 1993 formigris unu miliono da judoj el eksa Sovetunio. Vivi kiel judo en Sovetunio do estis malfacile, oni preferis elmigri ĉefe al Israelo aŭ Usono.*

*Esti judo en Sovetunio estis malfacila afero. Pro tio la judeco de e-istoj ne ludis rolon aŭ ne povis ludi rolon en Sovetunio (kaj en aliaj socialismaj landoj) kaj estis la privata afero de la koncernitoj (ekzistis ja ankaŭ diversaj tipoj aŭ gradoj de judoj resp. de judeco). Por ne kompromiti Eon, oni preferis silenti pri judaj aspektoj en tiu movado, kiel tabuo. Kiel vi mem spertis la "judan demandon", kiu ja ankaŭ estas ligita kun Zamenhof, kreinto de Eo?*

***Gonĉarov:*** En SEJM, laŭ mi, absolute ne ekzistis odoro de antisemitismo. Kvinono inter miaj amikoj mem estis hebreoj/judoj. Sekve la judismo havas nenian rilaton al SEJM kaj eĉ al ASE kaj al la tuta Eo-movado sovetia. Preskaŭ ĉiuj sovetiaj e-istoj estis internaciistoj.

*Tio tamen estas io alia ol "mondaj imperiistoj" aŭ "cionistoj", kiel "kamarado" Berjoza emis denunci la e-istojn... Tamen, la fakto, ke en la cerbo de tia funkciulo ekzistas tiu terminologio, montras, ke io ajn ligita kun esperantismo povis esti facile denuncata kiel "cionista" aŭ kiel "kosmopolita" (en negativa, reakcia senco) kiel dum la stalinisma tempo.*

***Kolker:*** Pri mia maleblo fariĝi membro de KPSU, supozeble ĉar mi estas judo, mi parolis antaŭe. Kiel mi rakontis en la bulteno "Cerbe kaj kore", en 1992, okazis jena incidento, simptoma por la tiama politika praktiko: Skandalon kaŭzis en 1984 mia recenzo pri libro aperinta en Israelo, en la revuo "Esperanto" de UEA. Eĉ pli embarase por la sovetia flanko estis, ke tiu artikolo aperis samnumere kun recenzo de Ulrich Lins pri la libro "7000 tagoj en Siberio" de Karlo Ŝtajner, en kiu ĝia aŭtoro priskribis sian vivon en la sovetlandaj koncentrejoj. Fakte tio estis inter-

pretita kiel kontraŭsovetia fi-provoko flanke de UEA kaj de mi mem. Ha! Tiu aŭdaco mencii aŭ eĉ iom laŭdi libron aperintan en Israelo, denuncita de la moskva e-isto Perevalov, kostis al Ŝanina kaj Isaev, SSOD-funkciulino kaj ASE-prezidanto, kiuj estis forte mallaŭdataj de la potenca vicprezidanto de SSOD, Peslak, preskaŭ ilian partian membrokarton (la riproĉoj estis, ke ili ne observis la "ordon" en ASE kaj ne povis eviti tian publikigon) kaj krome la decidon forigi min el la Prezidio de ASE. *(Ĉi tiun epizodon oni povas legi ankaŭ en la libro de Samodaj, p.159-60 – AK).* Formale, mia eksiĝo el la Prezidio (ne el la Estraro) de ASE okazis laŭ mia peto, pro mia granda okupiteco. Kvankam mi havis vastan moralan subtenon de sovetiaj e-istoj, mi konsentis al tiu kompromiso, ĉar alie SSOD malhelpus al defendo de mia doktoriga disertacio pri esperantologia temo. Kelkajn monatojn antaŭ la likvidiĝo de ASE, la Estraro elektis min prezidiano kaj vicprezidanto de ASE (sur la lokon de la forpasinta Podkaminer). La recenzo mem de Lins, kiu kaŭzis "insulton al Stalin", estis interpretita tiel, ke la planita aliĝo de ASE al UEA fiaskis. Intertempe Sovetunio, KPSU, SSOD kaj ASE kolapsis, kaj en 1990 la grava moskva eldonejo Progreso republikigis la libron "La danĝera lingvo" de Lins en Eo kaj eldonis ĝin ankaŭ en rusa traduko, en kiu 350 paĝoj estas dediĉitaj al la situacio kaj persekutoj de e-istoj en Sovetunio…

*Kaj la judeco de Zamenhof ĉiukaze restis tikla afero, ĉu ne?*

***Kolker:*** Certe, la e-istoj (kon)sciis pri la judeco de Zamenhof, sed kial emfazi tion en siaj priesperantaj gazetartikoloj? La juda temo estis dum la sovetia tempo tikla afero kaj ne alportis ion pozitivan – male, ĝi povis alporti ion negativan – ĉiuokaze la mencio pri lia judeco estus forstrekita de redaktoroj aŭ cenzuristoj. Sed persone mi ne aŭdis iujn ajn parolojn aŭ aludojn de oficialuloj pri la judeco de Zamenhof.

*Eĉ en "Enciklopedio de Esperanto", aperinta en Hungario en 1933 (!), kaj en polaj aŭ bulgaraj verkaĵoj mankis indiko pri la judeco de Zamenhof. Tio evidente estis problemo por la tiulandaj e-istoj, kiuj devis fajfi laŭ la oficiala partia linio, kiu estis kontraŭ-israela; do oni preferis ĝin prisilenti. Sed en la 30aj jaroj aperis, ekzemple en Pollando, laŭ la tiama "modo", artikoloj pri Eo kun kontraŭjuda karaktero. Postmilite pri la judaj aspektoj de Zamenhof unuafoje pli profunde verkis precipe Holzhaus (Doktoro kaj lingvo Esperanto, Helsinko 1969) kaj Maimon (La kaŝita vivo de Zamenhof, Tokio 1978). Do, eĉ se Eo celis resti politike neŭtrala projekto, ne eblis eviti ĝian enplektadon en sufiĉe tiklajn politikajn aferojn.*

*Do indas kaj necesas fari iun konkludon el tiu intervjuo, kiu povus esti jena: Post la likvido de la sovetia Eo-movado en 1937-38 ĝi povis refunkcii nur ekde la mezo de la 50aj jaroj per la eklaboro de Bokarjov kaj ties interlingvistikaj-esperantologiaj kolegoj. Iom poste aperis la junuloj kaj junulinoj de SEJM, kiuj agadis kadre de neoficiala organizaĵo. Por kontroli la kreskantan sovetian Eo-movadon estis fondita en 1979 ASE sub la patroneco de SSOD (kun kiu ekzistas jam formalaj rilatoj ekde la mezo de la 50aj jaroj). Pro tio oni rezignis pri SEJM malfondante ĝin favore al la establado de tutsovetia strukturo kun ASE ĉe la pinto.*

*Sed baldaŭ iuj aktivuloj de la SEJM-periodo konstatis kaj kritikis pli kaj pli, ke ASE ne povas tro multe fari, ĉar SSOD, ne havante la intereson, ke Esperanto disvastiĝu tra Sovetunio kaj eĉ celante la inverson, bremsis la agadon de ASE. Kiam tio eblis, la seniluziigitaj sovetiaj esperantistoj likvidis ASE-n en 1989 por restarigi la antaŭmilitan SEU (Sovetrespublikaran Esperantistan Union). Kompare kun la Eo-movadoj en socialismaj landoj kiel ekzemple en Bulgario, kie la e-istoj, inter kiuj multaj devenis precipe el la antifaŝisma/mondpaca tradicio, kiel longigita brako de la partio aŭ patrolanda fronto kvazaŭ blinde kunpropagandis socialismon kaj la ŝtatan doktrinon, en Sovetunio la Eo-movado koncentriĝis pli pri la scienca kaj pragmata-praktika agadoj sen tro da ŝtata ideologio/propagando, kiu estis minimume kaj formale aplikata en Eo-medioj (konstati tion por nesovetianoj estas iom surprize, ĉar oni povus kredi, ke homoj en la "patrujo" de la komunismo estas la plej ardaj propagandistoj – nu iuj ja certe estis, sed ne nepre la esperantistoj, almenaŭ koncerne la postmilitan periodon). Sed la ombro de KŜS daŭre akompanis la movadon, kiel ĉion ceteran en tiuj landoj. Ĉi tiu cirkonstanco faras la esploradon de kelkaj aspektoj de la historio de la Eo-movado en tiuj landoj iom malfacila. Ĉiukaze laŭ la fadeno trikotita en tiu ĉi konkludo eblas kaj necesas verki la historion de la postmilita Eo-movado en Sovetunio, ruslandaj kaj alilandaj kolegoj eble kune.*

*Koran dankon al Boris Kolker kaj Anatolo Gonĉarov pro ilia preteco respondi al miaj (eble iom strangaj) demandoj. Dankon al Vladimir Samodaj, kiu kritike tralegis la tekston. Estus interese kun ili aŭ aliaj signifaj aktivuloj daŭrigi la diskuton pri la postsovetia situacio de Eo en Ruslando.*

---

**Ekster la intervjuo:**

Mi volus rakonti gajan anekdoton en iom alia kunteksto: Okaze de mia scienca staĝo en Sovetunio (1988-89) mi ankaŭ lernis, ke en la sovetia akademia sistemo ekzistas la ruslingva titolo "aspirant" por la defendantoj de doktoriga promocio (kandidat nauk). Kiel oficiala "interŝanĝ-studento", kiu loĝis kun tiuj "aspirantoj" en la sama "komunloĝejo" (obŝĉeĵitie), mi fakte estis mem konsiderata kiel "aspiranto" (kvankam mi estis nur antaŭ-licencia/magistra studento). Ĉar tiu ĉi nocio prononce treege similas al "esperanto", plurfoje okazis amuza konfuziĝo inter mi kaj rusoj, kiuj, ne sciante kio estas Esperanto, unuavice komprenis "aspiranto" kaj "aspirantisto" (kio ne ekzistas) anstataŭ "esperantisto"... Cetere la tipe rusa prononco de Esperanto, kiu povas kaŭzi eĉ semantikajn miskomprenojn, amuzigis ankaŭ min, kaj por fini ĉi tiun temon mi volas referenci al p.83 de la libro de Samodaj, kie li rakontas, ke rusaj teatraj aktoroj prononcis "kakaĵon" anstataŭ "kokaĵon", tiel ke Vilmos Benczik, tiama sekretario de Hungara Eo-Junularo, en 1966 devis interveni perletere por atentigi la rusajn aktorojn, kiuj ĵus lernetis Eon, ke ili bonvolu malignori tiujn gravajn prononcajn nuancojn kaj forigu la misprononcon, kaze ke ili deziras prezenti sian spektaklon en Hungario... Alia kazo de embarasa lingva fuŝuzado estis tipografiaj eraroj: en iu prelego kamarado Breĵnev diris "kakaj moskvanoj" anstataŭ "karaj moskvanoj" (Samodaj, p.147). Do. Ĉion ceterindan legu en la libroj de Kolker, Bronŝtejn, Samodaj, Cibulevskij...

**Biografioj:**

***Boris (Grigorjeviĉ) Kolker,*** naskita la 15-an de julio 1939 en Tiraspol, Moldavio, longtempe loĝis en Baŝkirio (Birsk 1965-67, Ufa 1967-93) ĝis lia elmigro al Usono, estas instruisto de lingvoj kaj tradukisto. Rusiano kaj sovetiano, ekde 1993 – usonano. Esperantistiĝis en 1957. Doktoro pri lingvoscienco, defendinta disertacion pri esperantologia temo. Aŭtoro de tri Eo-lernolibroj (inter kiuj "Vojaĝo en Esperanto-lando" estas la plej konata kaj furora), interlingvistikaj artikoloj kaj recenzoj. Membro de la Akademio de Esperanto. Honora Membro de UEA. Kunredaktoro de "Monato". Dum du jardekoj gvidis amasan korespondan kurson en Rusio, en kiu diplomiĝis preskaŭ 900 personoj. Instruis Eon ĉe usonaj universitatoj en San Francisko kaj Hartford. Nun gvidanto de la Internacia Perfektiga Koresponda Kurso (IPKK). Vicprezidanto de la Internacia Ekzamena Komisiono (IEK) de ILEI/UEA. En diversaj tempoj kunfondinto kaj kungvidanto de SEJM (Sovetia Esperantista Junulara Movado), ASE (Asocio de Sovetiaj Esperantistoj), SEU (Sovetrespublikara Esperantista Unio), REU (Rusia Esperantista Unio), respondeculo pri Eo-instruado en Sovetunio kaj Rusio, komitatano de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo), membro (ekde la jaro 1959), komitatano kaj ĉefdelegito de UEA, kunfondinto kaj membro de EVA (Esperantlingva Verkista Asocio). Prelegis kaj publike parolis en pluraj Universalaj Kongresoj de Esperanto (ekde la 48-a UK en la jaro 1963), reĝisoris la Kongresan temon en la 85-a UK en Tel-Avivo (2000). Interreto: <http://eo.wikipedia.org/wiki/Boris_Kolker>.

***Anatolo (Jevgenjeviĉ) Gonĉarov,*** naskiĝis la 12-an de septembro 1940 en Siberio, lernis en Brjansk kaj Odeso, laboris en Barnaul kaj Moskvo. Doktoro de kemiaj sciencoj, instruis en superlernejoj de Barnaul, sciencistis en moskvaj sciencesploraj institutoj. Studente (Odeso) eklernis Eon (1958) kaj komencis multe Eolegi, kio difinis lin pasia amanto de la lingvo. En 1960 ekinstruis Ĉe-metode kaj ĝis 1990 instruis ĉiujare, krom paŭzo en 1980-87. En 1965 fondis antaŭ-SEJM-on kaj ekde 1967 prezidantis SEJM-on dum kelkaj jaroj kaj poste revene ankoraŭ jaron. Dum postSEJM-a periodo (1981-1989) gvidis Scienc-Teknikan fakon de ASE kaj estis estrarano de ASE. Fondis ses junularajn Eo-klubojn (Odeso, Barnaul, Moskvo k.a.). Honora membro de TEJO, multjara membro de UEA kaj nun senatano de la Eo-Civito. Pro troa sindediĉo al Eo foriris de kvar perspektivaj karieroj kaj en 1987 definitive iĝis profesia Eo-aganto. Pro la samo fiaskis kelkaj edziĝoj kaj, perdinte loĝejojn, li migris kiel malriĉulo tralande de 1990 ĝis 2002. En 2003 revenis Siberion kaj ekokupiĝis precipe Eo-verki, traduki kaj teoriumi pri Eo-movadaj kaj esperantologiaj temoj. Aŭtoro de pli ol 50 Eo-publikaĵoj. Kolektis abundegan materialon, pruvante Eon pli riĉa ol la naciaj lingvoj sur la nivelo de la beletraj esprim-eblecoj... Interreto: <http://anatolog.narod.ru>.

**Mallongigoj kaj ties plenaj nomoj:**

*SEJM* – Sovetia Esperantista Junulara Movado
*SEJT* – Sovetia Esperantista Junulara Tendaro
*ASE* – Asocio de Sovetiaj Esperantistoj

*SSOD* – Unio de Sovetiaj Amikec-Societoj
*KŜS* – Komitato de Ŝtata Sekureco (internacie pli konata sub la mallongigo KGB)
*CK KPSU* – Centra Komitato de Komunista Partio de Sovetunio
*USSR* – Unio de Socialismaj Sovetrespublikoj
*Komsomolo* – Komunisma junulara organizo de USSR
*Samizdato* – sekretmaniera memeldono kaj distribuado de neoficialaj aŭ nepermesitaj publikaĵoj en privataj kanaloj en Sovetunio kaj aliaj komunismaj landoj
*UEA* – Universala Esperanto-Asocio
*TEJO* – Tutmonda Esperantista Junulara Organizo

**Ĉefaj legindaj publikaĵoj pri la sovetia Esperanto-movado:**


2008: Kolker, Boris: La aventuro esti membro de UEA en Sovetunio. En: Esperanto (UEA), junio, n-ro 6, p.126-127.

2006: Bronŝtejn, Mikaelo. Legendoj pri SEJM**.** Impeto. Moskvo. (3a eld). 231 paĝoj.

2005: Kolker, Boris: Vojaĝo en Esperanto-lando**.** Perfektiga kurso de Esperanto kaj gvidlibro pri la Eo-kulturo. UEA. Rotterdam. (3a eld). 280 paĝoj.

2004: Kolker, Boris: "NIA Vilnjuso kaj ILIA Jerusalemo". En: Sennacieca Revuo, 2004, p.31-32 (aperis ankaŭ en Israela Esperantisto, Eventoj, Litova Stelo, Esperanto sub la Suda Kruco; legebla rete ĉe <http://ourworld.compuserve.com/homepages/profcon/e_vilje.htm>).

2003: Prof. Mahomet Isaev: De vilaĝo al ĉefurbo. En: Rusia Esperanto-Gazeto, 1/14 kaj 2/15, februaro kaj aprilo.

2000: Cibulevskij, Dmitrij M.: ASE (Asocio de Sovetiaj Esperantistoj)**.** Historiaj notoj. Ĥarkiv. 384 paĝoj.

1999: Samodaj, Vladimir: Ne nur legendoj, ne nur pri SEJM**.** Homoj kaj epizodoj. Impeto. Moskvo. 175 paĝoj.

1994: Cibulevskij, Dmitrij M. SEJM**.** Historia skizo. Impeto. Moskvo. 204 paĝoj.

1991: Landa Agado: SEU kaj Sovetunio: kune al necerta estonteco, intervjuo kun Andy Künzli kaj Andrej Ananjin. En: Esperanto (UEA), 6, p.109.

1990: Künzli, Andy E.: Eksterlandanoj: Ankoraŭ "ekzotikaj bestoj" en Sovetunio. En: Kontakto 1, pp.7, 10. Kun aldona artikolo pri Gazetoj en Sovetunio, p.15.

1989: Künzli, Andy E.: Ĉu perestrojko pereigas la unuecon de sovetiaj esperantistoj? En: Esperanto (UEA) 11, pp.185-187.

Bultenoj: Juna Esperantisto, Informacionnij Bjulletenj, Cerbe kaj Kore.


Oni konsultu ankaŭ la koncernajn artikolojn de U.Lins (vd. bibliografion en "La Danĝera Lingvo").

La redakcio de REGo proponas al la aktivuloj de Sovetia E-movado sendi por la publikigo reeĥojn (komentojn, aldonojn) al la intervjuo aŭ siajn rememorojn pri la tiama E-vivo. Tio estas nia komuna historio, ĝi meritas esti laŭeble plene konata.



## 55 LINGVOJ EN MOSKVO

La 3-a Moskva Lingva Festivalo sukcese pasis la 26-an de oktobro en la Instituto de fremdaj lingvoj ĉe Moskva Urba Pedagogia Universitato (ruse: ИИЯ МГПУ), en centro de la ĉefurbo. Kiel kutime, ĝin organizis Moskva junulara Esperanto-klubo "EK MASI".

La Festivalo daŭris unu tagon, oficiala programo – ekde la 12-a ĝis la 21-a horo, kaj inkluzivis la kutimajn programerojn: la Malfermon kun anoncoj de la prezentadoj kaj kelkaj koncertaj numeroj, la 8 tridekminutajn blokojn de lingvoprezentadoj kaj la Fermon kun enmanigo de la diplomoj kaj hora koncerto. Estis prezentitaj 55 lingvoj, okazis kunsidoj de 4 paroligaj kluboj (la angla, la hispana, la germana kaj la slava), vigle pasis 5 prelegoj pri marĝenaj, sed gravaj temoj, ekzemple, "Multlingveco en Interreto" aŭ "Resursoj de tradukado en la rusan". En unu el la rondaj suretaĝaj promenejoj konstante funkciis ceremonia gustumado de ĉinaj teoj. En la alia simila promenejo senpaŭze laboris la Libraj Butikoj – de la fama revuo "Inostrannaja literatura" ("Fremdlingva literaturo") kaj de brokantaj prilingvistikaj libroj, alportitaj de la festival-organizantoj, prezentantoj kaj gastoj. Senescepte ĉie kaj ĉiam estis multaj homoj – ja la Festivalon vizitis ĉirkaŭ 800 personoj.

Laŭ opinio de la sperta festivalano el Sankt-Peterburg Vjaĉeslav Ivanov, tiu ĉi lingva feslivalo estis la plej bona el ĉiuj. Mi precizigus – el ĉiuj moskvaj. La kialoj kelkas: spertiĝo kaj plia konkordiĝo de la organiza teamo, plimultiĝo de la prezentataj lingvoj, grandiĝanta populareco de la evento, sed ĉefe – la absolute ideala festivalejo – tiu instituta 5-etaĝa domo, kvazaŭ speciale konstruita por tia evento.

Gravas noti, ke al la Instituto la Festivalon invitis ties direktoro mem – Oleg Anatoljeviĉ Radĉenko, aŭdinte de sia studentino kaj kursanino de mia E-kurso emociplenajn rakontojn pri la 2-a MLF. Ni renkontiĝis kun la direktoro en marto kaj interkonsentis pri la kunlaboro. Tiel unu el la plej seriozaj organizaj prob-



lemoj – la ejo – solviĝis preskaŭ per si mem kaj liberigis nin por aliaj aferoj.

Tiu invito fakte estis simptoma signo, montranta, ke la Moskva festivalo transformiĝas al fenomeno, kiu komencas mem allogi bezonatajn komponerojn. Mem aperadis novaj lingvaj prezentantoj, iuj nekonatoj mem proponis nekutimajn programerojn, politika junulara unuiĝo proprainiciate eldonis por ni senpagajn kolorajn afiŝojn kaj okazigis trejnadon pri oratora arto por niaj novuloj, mem reklamis nin la interretaj informpaĝaroj, ĵurnalistoj mem telefonis por intervjuoj kaj la gastoj mem invitadis aliajn gastojn... Tamen ĉiuj tiuj "mem" estis nuraj aldonaĵoj – al la longdaŭra kaj senhasta laboro de la festivala organiza teamo, kiu ĉi-foje montris sin elstare bone. La teamon konsistigis 25 homoj (el kiuj nur 6 ne estas esperantistoj kaj MASI-anoj), kun klare difinitaj taskoj. Pli kaj pli en nia organiza sistemo kreskas la rolo de la kuratoroj, kiuj zorgas pri 6-8 prezentantoj kaj tial malŝarĝas la respondeculon pri lingvoprezentantoj.



Ankaŭ la Instituto bonege helpis. La direktoro bondeziris al la Festivalo dum la Malfermo kaj salutis ĝin en Esperanto, la tutan tagon li kaj ĉiuj ĉef-administrantoj restis en la konstruaĵo, 4 institutaj inĝenieroj kaj teknikistoj prizorgis la multnombran aparataron (el 18 prelegejoj nur 4 ne estis ekipitaj per moderna tekniko!), la manĝejo kaj bufedo funkciis kaj zorgis pri la regalo por la festival-kontribuantoj. Fakte, ajna nia peto estis kontentigita. Ankaŭ ni klopodis plejplene reciproki. Ekzemple, estis peto de la Instituto, ke en ĉiu teknikhava klaso konstante sidu la ĉambra respondeculo. Ege malfacilis trovi 14 volntulojn, pretajn senelire resti en la ĉambro kaj pokelkfoje aŭskulti la samajn prezentaĵojn. Sed ni faris tion – kaj evidentiĝis, ke la ofico estas absolute utila kaj bezonata.

Dum la Fermo la direktoro multfoje esprimis al mi sian admiron pri la Festivalo kaj nia senriproĉa disciplino kaj organizado. Do, ni havas ĉiujn ŝancojn ankaŭ la 4-an Festivalon organizi en tiuj bonegaj kondiĉoj. La liston de ĉiuj prezentitaj lingvoj, impresojn de la vizitintoj kaj multajn fotojn eblas trovi en la ttt-ejo <www.moskvo.ru/lf>.

***Irina Gonĉarova, kunordiganto de la 3-a MLF***

## TILE-4 EN SOĈI

Komence de novembro en Soĉi jam por la 4-a fojo estis organizita aranĝo "Tagoj de la Internacia Lingvo Esperanto" (TILE-4). La renkontiĝon partoprenis 11 gastoj el Gelenĝik (2), Taganrog (2), Ĥarkovo (2), Gorjaĉij Kljuĉ (2), Armavir (1), Tomsk (1), Uljanovsk (1) kaj 10 soĉianoj, gvidataj de Vladimir Bespalov. Kelkaj el la ĉeestintaj gastoj volonte respondis niajn demandojn.

***Kio logis vin novembre al Soĉi?***

*Margarita Karceva (Uljanovsk):* La frazo el informilo: "Ĉu vi volas daŭrigi someron?" Mi volis.

*Vladimir Minin (Tomsk):* Varma maro, esperantistoj, naturo subtropika.

*Vladimir Kosolapov (Gelenĝik):* Renkonti esperantistojn kaj ripozi.

*Gennadij Mitrofanov (Taganrog):* Renkontiĝo.

*Ljubovj Skoraja (Taganrog):* Mi ŝatas aŭtunon. Somere en Soĉi renkontiĝas ĉiuj farboj, kiuj ekzistas en la naturo. Ĉiam io floras. Krome ni estis konvinkitaj, ke la vetero estos bona. Ni jam longe ne estis ĉi tie.

*Aleksej Borodin (Armavir):* Novembre en Soĉi... tio estas daŭrigo aŭ plilongigo de somero. Kiu ne volas tion? La vetero ĉi tie estas bonega.

*Svetlana Neĵalskaja-patrino (Ĥarkovo):* Revo pri E-renkontiĝo en bela loko.

***Ĉu la programo estis enhavriĉa?***

*Vladimir Kosolapov:* Ĝi estis riĉa.

*Vladimir Minin:* Ne sufiĉe.

*Margarita Karceva:* Por mi – jes! Kaj diversaj aranĝoj tre plaĉis al mi. Mencindas esperantlingva rakonto de Vladimir Kosolapov pri dolmenoj. Utilos seminario pri kluba agado. Promenado tra la urba parko "Rivjera". Ekspozicio de floroj. Koncerto de Sergej Sergejev, kie sonis nekonataj por mi kantoj en Esperanto ( inter ili – kelkaj kantoj, verkitaj de soĉiano Vladimir Derevjanko) kaj koncerto de ensemblo de rusaj popolaj muzikiloj en Vintra teatro. Interparolado kun pentristino Marina Ŝestakova, membro de la klubo "Laro". Vizito al la Arbo de Amikeco, dum kiu Vladimir Bespalov interese rakontis historion de tiu unika Arbo. Ekskurso al urba muzeo, gvidita de esperantistino Galina Belenjuk. Ĉiun vesperon tetrinkado (bongustaj krespoj de Lidija Timofejeva estis formanĝataj dum kelkaj minutoj) kaj kantoj kun Aleksej Borodin. Bedaŭrinde mi ne havis multe da tempo por estado ĉe la maro. Nur frumatene dum kelkaj minutoj.

*Gennadij Mitrofanov:* Jes, sed oni devas fari pli multajn aranĝojn eksterdome.

*Ljubovj Skoraja:* Jes, riĉa kaj interesa.

*Aleksej Borodin:* En la programo tre plaĉis al mi la promenado en la montaro. Mi ricevis neforgeseblajn impresojn. Ankaŭ promenado tra la urbo estis bona. Mi ŝatus vidi famajn lokojn de la urbo Soĉi.

*Svetlana Neĵalskaja:* Super!

***Dum seminario temis pri kluba agado. Diru kelkajn vortojn pri via klubo.***

*Vladimir Kosolapov:* Nia klubo ne funkcias. Ni renkontiĝas hazarde sur stratoj de nia urbo.

*Vladimir Minin:* Tomska E-klubo funkcias malvigle.

*Aleksej Borodin:* Bedaŭrinde nuntempe mi gvidas neniun klubon. Estus tamen bone organizi klubon en Armavir.

*Svetlana Neĵalskaja:* Nenio eksterordinara: plejparte antaŭpensia publiko, pli multe da viroj (venu, virinoj!), iom laboretas, sed preskaŭ ne "produktas" novulojn.




*gastoj de TILE-4 kun la mastro Vladimir Bespalov*

*Margarita Karceva:* Nia klubo renkontiĝas ĉiudimanĉe en la Palaco de Libroj. Alvenas de sep ĝis dek kvin diversaĝaj homoj. En la jaro 2008 ni faris jam kvar grandajn programojn. Nia teamo partoprenis januare la ludon "Kio? Kie? Kiam?". Niaj klubanoj Sergej Abramov kaj Jelena Tubalec maratonis dufoje septembre kun emblemoj de la klubo kaj gajnis en siaj grupoj la unuan kaj la duan lokojn. Sergej kanotadis sub flago de Esperanto julie. Ni eldonis kalendaretojn kaj kantarojn. Junie oni povis partopreni "Ĝemeltagojn", organizitajn de nia klubo ĉe Volgo, kelkaj homoj kiel ĉiam vizitis la Gruŝin-festivalon kaj Bardan Festivalon en Lomi apud Uljanovsk, niaj klubanoj partoprenis en EoLA-20 (8 personoj), Esprimo-5 (1), VsPlesk (2), IET (3), TILE-4 (1), Ŝelest (4), Lingvaj Festivaloj en Ĉeboksari (6) kaj Moskvo (1), IJK (1), UK (1). Nia klubo kun la fremdlingva fakultato de la pedagogia universitato organizis fine de marto nian Lingvan Festivalon, kiun vizitis niaj geamikoj – esperantistoj de Ĉeboksari. Fine de aŭgusto gastis Miĥail Kolodin el Peterburgo, kiu rakontis pri siaj vojaĝoj tra Siberio kaj Altajo, ankaŭ Aleksandr Ĥrustaljov el Dimitrovgrad kaj Tatjana Orjol el Volgograd. Krome, pri Esperanto aperis artikoloj de niaj geamikoj el diversaj urboj, publikigitaj en sciencaj artikolaroj de nia pedagogia universitato. Septembre estis organizitaj kursoj (baza kurso de Esperanto)... Ni korespondas kun esperantistoj el diversaj urboj. Certe tio ne estas multo, tamen... ni estas volonte kune.

*Gennadij Mitrofanov:* Taganroga E-klubo nur organiziĝos en nova stato, malnovaj esperantistoj forveturis eksterlanden.

*Ljubovj Skoraja:* Antaŭ du jaroj ekzistis restoj de la klubo, sed kaŭze de malsano de Gennadij la kluba agado interrompiĝis. Mi pensas, ke li havas nun multajn fortojn, kaj esperas, ke li sukcesos.

***Kio estis la plej hela impreso de la renkontiĝo?***

*Vladimir Kosolapov:* La nuna renkontiĝo montris emon de la plej aĝaj esperantistoj uzi festotagojn en Soĉi...

*Vladimir Minin:* La juna Svetlana el Ĥarkovo.

*Margarita Karceva:* Montaro kaj niaj gvidantinoj Irina Poleŝĉuk kaj Larisa Soniĉeva, kiuj helpis al ĉiuj nejunaj "rokrampuloj". Ankaŭ sen Aleksej Borodin ne ĉiu povus venki multajn obstaklojn. Lidija nomis lin "nia kavaliro".

*Gennadij Mitrofanov:* Grimpado al Aŭguraj akvofaloj.

*Ljubovj Skoraja:* Montara marŝo. Tio estis neforgesebla! Tio okazas nur unufoje en vivo. Mi admiras la 77-jaran Lidija Timofejeva, kiu kuraĝe partoprenis montaran suprenmarŝon.

*Aleksej Borodin:* La plej hela impreso de la renkontiĝo estas la montaro.

*Svetlana Neĵalskaja:* Turista marŝo, al kiu mi strebis.

***Kiuj estas la plej gravaj problemoj en E-movado laŭ via opinio?***

*Vladimir Kosolapov:* Levi intereson de junularo al Esperanto.

*Vladimir Minin:* La monda loĝantaro ne sentas bezonon pri la internacia lingvo.

*Margarita Karceva:* Mi scias pri tiuj problemoj malmulte. Sed mi pensas, ke niaj kluboj devas labori kune. Kaj ni povas fari tion.

*Ljubovj Skoraja:* Spertuloj devas pli aktive subteni E-movadon, por ke ĝi ne perdiĝu. Gejunuloj devas malpli krokodili.

*Vladimir Bespalov:* Homoj pigras paroli Esperante ĉiam kaj ĉie.

***Novaj renkontiĝoj signifas novajn geamikojn. Ĉu vere?***

*Vladimir Kosolapov:* Kompreneble.

*Vladimir Minin:* Vere.

*Ljubovj Skoraja:* Certe, mi konvinkiĝis pri tio.

*Margarita Karceva:* Jes, novaj geamikoj post ĉiu E-aranĝo. Mi ĝojas, ke mi konatiĝis kun Irina Poleŝĉuk, kun la familio Derevjanko (Vladimir kaj Nadeĵda)... Krome, mi ĝojis vidi ree mian malnovan konatinon Lidija Timofejeva. Mi konas ŝin ekde la pasintjara RET ĉe Azova maro. Mi amikiĝis kun Ljuba Skoraja kaj Gennadij Mitrofanov el Taganrog. Mi pensas, ke ni nepre korespondos.



*ŝaŝliko en montaro*

*Gennadij Mitrofanov:* Jes, vere.

*Aleksej Borodin:* Jes, mi ĝojas renkonti malnovajn amikojn kaj ankaŭ konatiĝi kun gastoj el Ĥarkovo. Ekzemple, Sveta – la filino – partoprenis IET-on en Krimeo, sed mi ne memoras ŝin tie. Kaj ĉi tie ni sukcesis interkonatiĝi.

*Svetlana Neĵalskaja:* Certe, kaj renkontiĝon kun malnovaj, ŝatataj...

Do, la aranĝo en Soĉi sukcesis!

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

*Dum la aranĝo IET-1 (Internaciaj Esperanto-tagnoktoj), kiu okazis ĉi-somere en Krimeo, tragike pereis odesa esperantisto Oleg Ĥaritonov. Ĉi-sube vi trovos esploron pri la kaŭzoj kaj kronologio de la malĝoja evento, faritan de Jefim Zajdman (unu el la ĉeforganizantoj de IET), kaj konkludojn, kiujn proponas fari gvidantino de la Odesa E-klubo T.Auderskaja.*

## LA MALFELIĈA OKAZINTAĴO

Post la fino de IET, aperis riproĉoj al ties organizantoj, ke ili kvazaŭ prisilentas la tragikan okazintaĵon – pereon de Oleg Ĥaritonov.

Tuj post la aranĝo mi klopodis kolekti opiniojn de tiuj atestantoj, kiuj plej aktive partoprenis la serĉadon de Oleg, por priskribi la okazintaĵon. Tio okupis multan tempon. Iuj respondis tre kurte, iuj tute ne respondis. Sed estis ankaŭ leteroj kaj rakontoj tre detalaj, dank' al kiuj mi certiĝis, ke bone imagas la okazintaĵon.

Oleg estis bonkora pli ol 30-jaraĝa homo, parolanta Esperante, aktiva, sed ne laŭ la aĝo infanema. Mi bone konis lin, ĉar li partoprenis E-aranĝojn en Jalta kaj post "Velura sezono" – eĉ turistan marŝon laŭlonge de la orienta marbordo de Krimeo, gvidatan de Mikaelo Ĵdanov. Li estis tiam tute ne preparita por la marŝo.

La 3-an de julio en IET-1 okazis ekskurso laŭlonge de la marbordo, kiun partoprenis ĉ. 30 homoj. Ĝin gvidis Katja Arbekova el Novosibirsk. Fakte ĝi estis simpla promeno je malgranda distanco, kiun mi kaj multaj aliaj jam faris individue aŭ malgrandgrupe. La grupo devis atingi turon, specialan signon de la plej okcidenta loko en Krimeo. La turo situis sufiĉe proksime de la bazejo kaj malproksime de Ĝangul, fama pro la grandaj abruptaj deklivoj ĉeborde.

Jen estas letero de Katja Arbekova:

*"La 3-an de julio je 10.15 por tiuj, kiuj ne ekskursis al Ĉernomorskij, okazis ekskurso al malnova lumturo. Ni atingis la lokon, mi rakontis pri ĝi kaj anoncis liberan revenon al la bazejo. Plimulto de la homoj restis naĝi en apuda golfeto, ankaŭ mi. Ni naĝis ĝis 12.20, poste mi anoncis revenon kaj foriris la lasta. Poste evidentiĝis, ke proprainiciate, nenion dirinte al mi, Svetlana Neĵalskaja (Ĥarkovo) kaj Oleg foriris de tiu loko ne al la bazejo, sed al Ĝangul.*



Oleg Ĥaritonov, la lasta foto antaŭ la akcidento

*Antaŭ la vespermanĝo, ĉ. la 18-a Svetlana aliris min kaj diris, ke Oleg ne revenis. Li ne estis ankaŭ dum la tagmanĝo, sed kutime li manĝis memstare en la tendarejo, tial lian foreston krom Svetlana neniu rimarkis. Kunorganizanto de la aranĝo Anĵela*

*Belenko (Jalta) tuj telefonis al la bazejestro kaj diris pri malapero de Oleg kaj ke esperantistoj jam serĉas lin. Ni decidis atendi ĝis la vespermanĝo kaj, se li ne aperos, telefoni al milicejo.*

*Antaŭ kaj post la vespermanĝo kelkaj tendaranoj komencis serĉi lin, vagante laŭ la vojeto ĉeborda, sed al la maro ne descendis kaj tra la stepo ne vagis. Vladimir Hurtovenko trovis sur la vojeto la ŝildeton de Oleg. Estis supozo, ke li iris al Olenjovka por aĉeti produktojn kaj malfruas, sed je la 21-a ni jam ne dubis, ke okazis io malbona. Post la vespermanĝo mi kun Anĵela Belenko kaj Svetlana Birjukova venis al bazejestro denove kun peto komenci la serĉadon kun helpo de la kompetentaj organizaĵoj.*

*Matene, la 4-an, okazis interparoloj kun la milicejestro kaj MES (Ministerio de eksterordinaraj situacioj). El la milicejo oni diris, ke laŭ la leĝo ili komencas serĉi perditajn homojn nur post 3 tagoj. Sed eksciinte, ke la tendaro estas internacia, ili tamen venis. La milicisto postulis la pasporton de Oleg kaj pridemandis la atestantojn. Duontago pasis en vana atendo: la milicejo kaj MES silentis. Ni konstante telefonis al la poŝtelefono de Oleg, sed responde aŭdis nur "ekster la zono de atingeblo". Ĉ. la 19-a horo al mia poŝtelefono venis sciigo "aperis" kaj tuj post tiam oni telefonis el la milicejo kaj diris, ke turistoj trovis Oleg-on. Ili donis telefonnumeron de la turistoj, kaj mi tuj kuris al la bazejestro. Li eksciis, kie la turistoj troviĝas, informis tion al la "urĝa servo" kaj MES, kaj ni kune veturis al la loko. Kun ni ekveturis ankaŭ la aŭtoj de Igorj Dubrovskij (Jalta) kaj Vladimir Fedjaj (Kievo). Surloke kelkaj homoj descendis al la loko, kie kuŝis Oleg. La unua, kiu lin ekvidis, estis Miŝa Ĵdanov, poste venis Vladimir Hurtovenko (Kievo) kaj Vadim Tarasov (Vladimir). Aliaj restis supre: Vladimir Fedjaj, Artjom Alimov. Poste alveturis "urĝa servo" kaj 3 homoj el MES. La doktoro kaj sanitaro sendolorigis Oleg-on. Vladimir Hurtovenko, Andrej kaj la triopo el MES restis kun Oleg la tutan nokton. Vladimir Fedjaj deĵoris supre, ĉar li uzis sian radiostacion por kontakti la homojn malsupre kaj la poŝtelefonon por kontaktoj kun la bazejo. La aŭtoj revenis al la bazejo, kolektis lanternojn por la deĵorantoj ĉe Oleg kaj varman veston por li.*

*Frumatene alnaĝis skutero. Oni transportis Oleg-on al distrikta malsanulejo kaj poste – al Simferopol. Veturigis lin Volodja Fedjaj. Ni urĝe informis pri la okazintaĵo fraton de Oleg, kolektis monon (2 mil hrivnoj kaj 2 mil rubloj) kaj donis ĝin al la frato. Sabate vespere la 5-an Oleg estis en simferopola malsanulejo. Oni informis al ni, ke li estas observata de kuracistoj kaj ke la operacio okazos matene lunde. Sed lunde venis informo, ke Oleg mortis frumatene antaŭ la operacio.*

*Vespere ĉe lignofajro Vadim Tarasov anoncis minuton de silento. Ni sidis ĉirkaŭ la lignofajro, rememoris Oleg-on bonvorte, aŭskultis, kion oni kantis omaĝe al li. Helan memoron!"*

La lasta, kiu vidis Oleg-on antaŭ la akcidento, estis Sveta Neĵalskaja. Jen estas peco de ŝia detala letero:

*"Dum aliaj naĝis, mi decidis promeni iom direkte al Ĝangul kaj baldaŭ ekvidis, ke min postiras Oleg. Sola mi ne riskus iri malproksimen, sed kun Oleg decidis iri plu. Ni marŝis silente. De tempo al tempo Oleg timigis min, provante rigardi mal-*

*supren ĉe rando de ŝtona masivo, serĉante padon. Mi proponis reveni, sed li rifuzis. Survoje ni renkontis knabojn, kiuj diris, ke plue estas nenio interesa, nur sur monto estas surskriboj, faritaj per ŝtonoj. Tiun lokon ni atingis rapide. Mi ekfotis lin kaj ĝuste tie ni ekvidis vojeton malsupren kaj komencis descendi. Survoje mi dufoje volis riproĉi lin, sed hezitis – ja li estis jam plenkreska. La unuan fojon mi estis ŝokita, kiam ekvidis lian retadreson, kies komenco estis "stultulo". Ja ne multaj homoj scias, kiomgrava estas vorto. Kaj se homo (eĉ ŝerce, tamen konstante) nomas sin stultulo, tio neniam rezultigos sukceson. Kaj la duan – kiam li sen ajna timo marŝis tra danĝera vojeto. Estis videble, ke li tute ne havas sperton turisman, ĉar senzorge saltadis malsupren, dum mi, turistino, timeme grimpis tra arbustroj ĉepade. Mi provis malrapidigi lin, dirante, ke miaj ŝuoj estas netaŭgaj por rapide iri tra la danĝera pado, sed li respondis, ke liaj ŝuoj estas bonaj, kaj marŝis plu...*

*Li ne timis eble pro tio, ke neniam trafis similajn lokojn – kiel infano, kiu ne scias, kion necesas timi. Li "simple promenadis", kiel li poste klarigis sian vagadon al Andrej, kiu la tutan nokton sidis ĉe li post la akcidento.*

*Tial mi ekĝojis, kiam ekvidis sufiĉe oportunan bordon kaj tendon kun ripozantoj. La tuta vojo okupis ĉ. 30-40 minutojn, je 12.30 ni estis jam malsupre. Ni haltis, kaj mi deflankiĝis je 5 metroj por meti botelon kaj fotilon. Aperis juna paro direkte el Ĝangul, ili diris, ke tie ne estas io interesa. Oleg certe aŭdis tion. Sed post kiam mi turnis min al li, evidentiĝis, ke li malaperis. Mi atendis lin ĝis 13.45, poste maltrankviliĝis, traserĉis la bordon apude kaj supreniĝis. Mi ankoraŭ esperis, ke li revenos kaj tial atendis supre. Post horo mi ekiris reen kaj atingis la turon je 14.45. Reen mi iris malrapide, ĉar ĉirkaŭrigardis, esperante ekvidi lin. Al la bazejo mi venis je la 16-a, sed tie li ne estis. Mi komencis alarmi ĉiujn, sed oni min trankviligis: "ne nervoziĝu, li sidas kun iu knabino". Kiam aliaj komprenis, ke mi vere havas kaŭzon maltrankvili, la geedzoj Saŝa Taran kaj Artjom Alimov el Krasnodar enaŭtigis min kaj ni veturis serĉi. Poste aliĝis multaj aliaj. La unua senrezulta nokto de serĉado estis la plej terura... Poste klariĝis, ke post la malapero (aŭ fuĝo) Oleg paŝis ankoraŭ horon plu direkte al Ĝangul, atingis dronintan ŝipon, ĝin ĉirkaŭrigardis kaj revenis per malsupra vojeto."*



*la tendaranoj, multaj el kiuj aktive partoprenis en la serĉado de Oleg*

Sekvas peco el letero de Vladimir Hurtovenko (Kievo):

*“Dum la tagmanĝo oni rimarkis, ke mankas Oleg Ĥaritonov. La unua diris pri tio Sveta Neĵalskaja, kiu foriris de la naĝantoj kun Oleg. Ili piediris ankoraŭ 2-3 kilometrojn plu, jam rimarkis de malproksime la ŝipon, sed ne iris al ĝi. Sveta malsupreniris al la golfo por naĝi, kaj Oleg restis supre. Kiam ŝi revenis post la naĝado, li forestis. Ŝi vokis kaj serĉis lin dum kelka tempo, sed ne trovis. Pensante, ke li revenis memstare, ŝi iris al la tendaro.*

*Fine de la tago, kiam Oleg ne aperis, ni komencis maltrankviliĝi pri li, diris pri tio al la estraro. Vespere ni komencis la serĉadon. Oni veturis al la loko per 2 aŭtoj kaj mi per biciklo. Ni serĉis kaj kriis, sed vane. Apud la abismo mi trovis la ŝildeton de Oleg. Komenciĝis nokto, en mallumo ni revenis al “Raketa”.*

*Sekvan tagon oni decidis turni sin al la ŝtataj instancoj. Sed la milico rifuzis helpi nin, dirante, ke oni ekserĉas homon nur post 3 tagoj de la foresto. Nur posttagmeze MES (Ministerio de eksterordinaraj situacioj) konsentis helpi al ni kaj sendis aŭton kun 3 militservistoj.*

*La serĉado daŭris kaj ĉ. la 19-a aperis informo, ke Oleg estas trovita. Mi kaj kelkaj aliaj esperantistoj enaŭtiĝis kaj veturis al Ĝangul. Evidentiĝis, ke Oleg falis en lokon, videblan nek de la bordo, nek de la maro. Poste li rakontis al mi, ke li decidis iri tra la krutaĵoj memstare kaj veturi malsupren sur la postaĵo. Okazis, ke li falis en abismon kaj rompis la malsupran parton de la spino kaj pelvajn organojn. Li ne povis urini dum preskaŭ du diurnoj. Sub bruliga suno Oleg kuŝis preskaŭ du tagojn ĝis lin trovis moskvaj turistoj, kiuj serĉis lokon por starigi tendon.*



*transportado de la portiloj kun Oleg al la boato*

*Ni malsupreniĝis al Oleg ĉ. la 20-a, li estis konscia, povis paroli kun ni. Liaj brakoj, kruroj kaj vizaĝo estis sunbruligitaj. Baldaŭ alvenis 2 kuracistinoj, ni kuŝigis lin sur la portilon, la kuracistino injektis kuracilojn kaj ordonis urĝe transporti lin en malsanulejon. Sed kiel? Supre – 50-metra abismo, kie apenaŭ eblas iri unuope, sed ne kun la portilo surhavanta 90-kilograman viron. Sube – post 10 metroj – ondanta maro, kaj neniu ŝipo povas proksimiĝi pro la ŝtonoza fundo. Des pli, ke rapide mallumiĝis. Ni decidis resti kun Oleg – tri militservistoj kaj tri esperantistoj. Post la injektoj Oleg sentis sin pli bone, li jam frostis kaj ni kovris lin per dormosako. Li povis nek manĝi, nek trinki. Li rakontis, ke longe promenis tie mem post la ekskurso kaj falis en abismon proksimume je la 17-a. Nokte mi parolis kun li, rakontis anekdotojn kaj kantis en Esperanto. Oleg kondutis kuraĝe, rakontis al ni diversajn historiojn.*

*Fariĝis malvarme, la maro ŝtormis. La kapitano de MES interkonsentis kun siaj konataj fiŝistoj, ke ili venu per motora skutero por transporti Olegon. Kaj post la mateniĝo je la 5-a ili venis al nia bordo. Ĉar ne eblis proksimiĝi pro la ŝtormo, mi alnaĝis la ŝipeton kun 30-metra ŝnuro. Oni ankriĝis kaj uzante du ŝnurojn proksimiĝis al la bordo je 5 metroj. Ni levis la portilon kaj portis ĝin al la ŝipo. Ni iris en la akvo ĝisbruste, sed la ondoj fojfoje leviĝis ĝis la portilo kaj dufoje kovris la tutan korpon de Oleg. Ni atendis paŭzon inter du ondoj kaj sukcesis meti la portilon sur la ŝipeton.*

*Poste oni veturigis Oleg-on en lagunon, enaŭtigis kaj transportis en distriktan urbeton Ĉernomorskij. Dum tuta tago apud Oleg estis esperantistino Lana Ovĉarenko el Ivano-Frankovsk. Oni pristudis Olegon kaj decidis, ke ne eblas operacii lin en loka malsanulejo. Intertempe venis lia frato, kaj oni veturigis Olegon en Simferopolon.*

*Estante sen informo, mi tre maltrankvilis pri la sorto de Oleg. Vespere mi biciklis al la malsanulejo. Sed evidentiĝis, ke Oleg jam estas en Simferopolo, mi nur parolis kun la kuracisto, kiu pristudis lin. La kuracisto diris, ke la malsupra parto de la spino kaj la pelvo de Oleg estas frakasitaj kaj li bezonas urĝan operacion. Li esperis, ke Oleg vivos kaj povos piediri.*



*Oleg dum la kurso de M.Lineckij*

*Sed en nia aĉa ŝtato povas okazi ĉio. Oleg trafis akcidenton ne en konvena loko kaj tempo. Okazis, ke oni ne faras operaciojn dimanĉe, malgraŭ ke ni venigis lin sabate! Kaj post kelkhora atendado nokte inter la 6-a kaj la 7-a de julio Oleg mortis.*

*Mi ne komprenas la sintenon de la estraro de la renkontiĝo. Malgraŭ ke esperantistoj tre maltrankvilis pro la evento, ili ne montris sian intereson. Ili turnis sin al la ŝtataj potencoj nur post nia postulo. Ili eĉ ne anoncis la funebron post kiam mortis Oleg, oni daŭrigis kantojn kaj distrajn programerojn".*

El letero de Svetlana Ovĉarenko (Ivano-Frankovsk):

*"Mi estis en la malsanulejo de Ĉernomorskij, kiam tie oni faris la unuan helpon al Oleg. Mi estis tie kun Nina Nikolajevna. Akceptis lin doktoro de la nokta skipo. Oni faris radioskopiajn fotojn kaj vokis sanitaran aviadilon el Simferopolo. Oleg estis en reanimigejo, kien mi ne povis eniri. Mi estis en koridoro kaj la medicinistoj – apud Oleg. Kiam la doktoro estis eliranta la koridoron, li kurte parolis pri la sanstato de Oleg. Li diris, ke necesas operacii, ĉi-cele Oleg estos transportita aviadile al Simferopolo. Oni preparis lin por tio kaj veturigis tien."*

El letero de Artjom Alimov (Krasnodar):

*“La 3-an de julio Oleg ne revenis post la ekskurso. Samvespere mi kun la edzino Saŝa, Svetlana el Ĥarkovo kaj Andrej el Dimitrovgrad veturis per aŭto por serĉi lin. Kun ni bicikle veturis V.Hurtovenko el Kievo. Ni atingis la lokon, kie Sveta perdis lin. Revenante ni telefonis al la bazejo – diris, ke ne trovis lin, kaj petis sciigi la savservon.*

*Sekvatage posttagmeze lin trovis turistoj, kiuj estis en tendo proksime al la loko de la akcidento. Al tiu loko ekveturis kelkaj aŭtoj. Mi veturis en la aŭto de Vladimir Fedjaj el Kievo. Malsupren al la loko, kie kuŝis Oleg, mi ne descendis. Laŭ vortoj de tiuj, kiuj tie estis, Oleg estis viva, interparolis, sed estis forte vundita. Suprenigi lin ne eblis, ĉar la deklivoj estis tro krutaj. Post iom da tempo aperis doktorino el la apuda vilaĝo Olenjovka, kiu helpis. Iom poste alveturis tri anoj de MES. Ankaŭ ili diris, ke suprenigi lin sen specialaj iloj estas tre danĝere. Ĉar rapide mallumiĝis, oni decidis atendi ĝis la mateniĝo. Por la mateno kapitano de MES interkonsentis kun konataj fiŝistoj pri boato. Mi kun Vladimir veturis al “Raketa” por preni tie vestojn kaj lanternojn kaj revenis al la loko, kie ni atendis ĝis la mateno. Je la 5-a aperis la skutero kaj ni sukcesis liveri al ĝi Oleg-on. La skutero navigis al trankvila bordo, kie oni transportis lin en aŭton de urĝa helpo kaj veturigis al malsanulejo”.*

Mi volas fini per alia peco el leteroj de Sveta Neĵalskaja:

*“Ĝis nun mi provas analizi la situacion kaj trovi por mi mem trankviligan klarigon. Ja ĝis nun mi ne povas kompreni, pro kio li lasis min kaj foriris sen averto. Verŝajne deziro daŭrigi feliĉan momenton estis pli forta, kaj, ekaŭdinte de preterirantoj, ke ne estas senco marŝi plu, li ektimis, ke mi agitos reveni, kaj fuĝis. Verŝajne, li perdis senton de realeco kaj obstine strebis atingi la celon – allogan dronintan ŝipon. Pri tio ili parolis kun Andreo, kiu tutan nokton sidis apud li kaj penegis “teni” lin en konscio. Jen pri kiu homo necesas nepre skribi! Ja Andreo dum 3 diurnoj estis la plej aktiva savisto. Certe multon faris Birjukova dank’ al sia forta karaktero.Veraj herooj estas Saŝa Taran kaj Artjom Alimov, Volodja Hurtovenko, kiuj kvazaŭ trukistoj veturadis tra la nokta stepo. Sed nin ĉiujn entuziasmigis, trankviligis, subtenadis Andreo. Mi mem vidis, kiel li grimpis, kiam ni serĉis dum la unua tago. Jam mallumiĝis, sed li tiris nin kuri plu. Dum vespero de rememoro li diris: “Estus pli bone, se ĉiuj opiniu min la plej neserioza, apaĉa, senĝena knabo en la tendaro, sed restu viva Oleg”.*

*Krom foto de Oleg, kiun mi faris antaŭ ol li foriris, mi sendas fotojn de plejmulto el tiuj, kiuj loĝis en la sama tendareto kun Oleg. La tragedio forte kunigis nin, kaj ni certe neniam forgesos ĉiujn amikojn. Sur la foto vi povas vidi nian teamon kaj la geedzojn – Artjom kaj Aleksandra. Estas ĉarma paro – trankvilaj, seriozaj gejunuloj”.*

Kion mi povas kurte aldoni?

Unu monaton post la aranĝo mi speciale veturis kun Ĵdanov al Tarĥankut por surloke ekvidi la lokon de la akcidento kaj kompreni pli bone la situacion. Imagu altan deklivon kaj padon malsupren. Tra la pado mi kun Miĉjo longe iris paralele al la marbordo. Poste la pado turniĝis al la maro. Sed Oleg elektis rektan vojon – malsupren sur la sidvangoj... Kiam mi malsupreniĝis sur la pado, mi komprenis la

situacion. La deklivo, sur kiu li provis descendi, estas kruta kaj sufiĉe alta. Miŝa rakontis, ke Oleg diris al li, ke post foriro de Sveta li dum 4 horoj trarampis ĉion kaj serĉis pli malfacilan descendon al la maro. Li fotis min en tiu loko kaj vi mem povas vidi tion... Volodja Fedjaj sendis al mi fotojn de la savado, kiujn mi aldonas.


en tiu ĉi loko okazis la akcidento

Kaj jen kiuj pensoj venis al mi tie. Se la tendaranoj rekomencus la serĉadon la 4-an dematene aŭ almenaŭ tage, ili povus trovi Oleg-on pli frue kaj li povus resti viva, ĉar trafus simferopolan malsanulejon vendrede. Ja vespere la 3-an la serĉantoj kriis desupre, sed ne descendis al la maro. Neniu tion faris – ni konsideris, ke pli spertaj MES kaj milico tion faros pli bone, ĉar ni ĉiuj alkutimiĝis konfidi al kompetentaj instancoj...

Kial ni ne ŝanĝis la programon de la aranĝo post la akcidento?

La akcidento okazis komence de la aranĝo. Tio tre malfaciligis laboron de la gvidantoj. Sed la programon ni decidis ne ŝanĝi je la funebra, ĉar la homoj venis de malproksimo ne nur por ripozi apud maro, sed ankaŭ por praktiki la lingvon kaj interkomunikiĝi en bona humoro. La 7-an de julio al la bazejo venis respublika televido por filmi nian aranĝon. La bazejestro petis nin kaŝi de la televidistoj la okazon por ne fari kontraŭreklamon al la ripozejo. Tial mi klopodis ŝarĝi ilin per intervjuoj kun la partoprenantoj, por ke ili hazarde ne eksciu pri la okazintaĵo.

Pri la rekomendoj de Auderskaja *(v. sube – La red.)*.

La marbordo apud la bazejo estas sendanĝera, ankaŭ en la loko, kie okazis la ekskurso. Dum la ekskursoj al Ĝangul kaj Atleŝ, kie vere estas tre danĝeraj lokoj, ni avertis la partoprenantojn esti sinzorgaj kaj kalkulis ilin antaŭ la reveno. Tamen iuj turistemaj esperantistoj veturis aŭ piediris tien memstare senaverte. Do kun la rekomendoj de Auderskaja mi konsentas. Eĉ pli – ekde nun de la partoprenontoj de festivaloj "Velura sezono" ni postulos subskribi, ke dum la aranĝo ili devas esti singardaj eĉ surstrate, senti respondecon ne nur pri si, sed antaŭ ĉiuj aliaj partoprenantoj. Tamen senti respondecon bezonas ankaŭ gvidantoj de E-kluboj, kiuj sendas la klubanojn al la aranĝoj.

Mi ege bedaŭras, ke Oleg ne plu estas kun ni. Li vere estis tre bonkora homo. Multaj esperantistoj partoprenis la serĉadon, iuj montris sin vere sindonaj. La tragedio konfirmis la sloganon "Ni kunas".

***Jefim Zajdman (Jalta)***

## OKAZAĴOJ KAJ KONKLUDOJ

A) **Organizado.** Estis donitaj neniuj instrukcioj pri la konduto en ĉirkaŭaj naturaj kondiĉoj. Neniel temas pri malpermeso eliri, sed pri klarigo de eventualaj lokaj danĝeroj.

*Por estonto:* Dum ajna aranĝo ennatura oni devas dekomence doni instrukciojn pri "reguloj de sekureco" ĝuste en tiu ĉi loko, kaj poste konstante, ĉiutage rememorigi pri ili. Organizantoj ne timu, ke ili aspektos strange, ridinde aŭ stulte. Vidu, nuntempa homo estas tiom malproksima de la naturo, disigita de ĝi, ke li jam ne perceptas ĝiajn danĝerojn. Estante urbano (kaj fakte ĉiuj nunaj e-istoj estas urbanoj, produktoj de civilizo), homo ne povas eĉ imagi, des malpli pritaksi la kolosajn fortojn de naturo. Ŝtormo, vento, montoj, ŝtonfaloj ktp. – ĉio ŝajnas negrava, venkebla, ĉar neniam spertita. Aŭ pli malbone, spertita en filmoj, kie superhomoj facile venkas ajnajn naturajn kataklismojn. Nuntempa homo ne konas kaj pro tio ne timas la naturon. Tial konstanta averto pri ĝia potenco estas nepra.

B) **Interna informado.** En ĉi kazo unue komencis maltrankviliĝi ne la organizantoj, sed amikoj, kunuloj, najbaroj de Oleg. Tio estas tute normala: ja ili estis apude kaj unuaj rimarkis la okazaĵon.

*Por estonto:* Se okazas iu maltrankviliga situacio, tuj informi la gvidantaron, por ke ili informu koncernajn instancojn. Ju pli frue komenciĝos koncernaj agoj: serĉado, vokado de "urĝa helpo", de polico ktp., des pli verŝajna estos pozitiva rezulto. Denove: ne timu maltrankviligi aliajn; la prezo de via hezitemo povas esti ies sano, bonstato aŭ eĉ vivo.

C) **Ekstera informado.** Ĉi-kaze la "oficiala" informo-resumo aperis nur 2 semajnojn post la tragedio. Antaŭe estis nur miaj maltrankvilaj demandoj – kaj silento de la organizantoj, kio en si mem elvokas suspektojn kaj malaprobon. Temas ĝuste pri organizantoj, sed ne pri simplaj tendaranoj, kiuj donis al ni la unuajn informojn.

*Por estonto:* Por eviti miskomprenojn kaj misdirojn, la estraro de la aranĝo devas kiel eble plej rapide doni aŭtentan informon pri la okazaĵo.

***Tatjana Auderskaja, gvidantino de JEK "Verdaĵo" (Odessa)***

## INTERNACIA KALENDARO DE E-RENKONTIĜOJ

Ĉu vi scias, ke ekzistas Internacia Kalendaro de Esperanto-Aranĝoj? La "Internacia E-Kalendaro" estas regule kompilata ekde 1996 ĉe la budapeŝta Esperanto-Centro "Eventoj", kaj enhavas la ĉefajn informojn pri ĉiuj konataj Esperanto-renkontiĝoj. La Kalendaro estas trovebla ĉe la adreso <http://www.eventoj.hu>. La kalendara listo ricevas ĉiujare plurmilojn de paĝvizitoj, do ĝi estas bonega (kaj senpaga) reklamejo ankaŭ por via aranĝo. Por helpi al informado pri diversaj Esperanto-aranĝoj, en la retpaĝo de la Kalendaro ni preparis mesaĝtabelon, kie ĉiu organizanto mem povas registri sian aranĝon. La Internacia Kalendaro estas des pli valora, ju pli kompleta ĝi estas. Ni dankas ĉies eventualan helpon en la kompletigo de la listo.

***la kunlaborantoj de la Kalendaro ĉe Eventoj en Budapeŝto:***
***Mészáros István, Kollár Lejla kaj Szilvási László***

# Bulteno de REU

## DASGUPTA OKAZE DE LA TAGO DE UN

*Unuiĝintaj Nacioj oficiale ekekzistis la 24-an de oktobro 1945, kiam la Ĉarton ratifis Ĉinujo, Francujo, USSR, Britujo, Usono kaj plimulto el la aliaj subskribintoj. La Tagon de UN oni festas ĉiujare la 24-an de oktobro*, ni legas sur la UN-retpaĝaro.

Ne en ĉiu jaro, ne okaze de ĉiu memorinda tago ni trafas interŝanĝi seriozajn pensojn. La aparte reliefaj ciferoj – 50, 60, 100 – ofte devigas nin rigardi realaĵojn, kiujn ni alie ne rigardus. Kaj tiu prodeviga rigardo ne nepre plisaĝigas nin.

Tamen, malgraŭ ĉi tiuj ĉiutagaj avertoj pri la grizeco de nia kutima psika ĉielo, mi fervore petas vin, geamikoj, fidi al la kapablo de la sistemo de Unuiĝintaj Nacioj iom post iom alproksimiĝi al la tasko respeguli la verajn kolektivajn pensojn de la homaro, kaj agi surbaze de tiuj pensoj.

Mi tion diras ne malplej pro la media katastrofo, kiu disvolviĝas en nia hodiaŭo kaj ombras nian morgaŭon. Se ne ekzistus UN kaj la parencaj sistemoj por ellaborado de interkonsentoj, la homaro simple ne disponus pri rimedoj kontraŭ tiu ĉi katastrofo. Ni ankoraŭ havas la eblon kune agi por malebligi, ke la medimisiĝo atingu tute krizan skalon kaj neniigu grandan parton de la esperoj de la homa specio.

Multaj el ni ankoraŭ ne tre intime ligas la temojn de konservo de la vivmedia diverseco kun la konservo de la lingva diverseco, nek la temojn de tiuj konservoj kun la esperoj, kiujn simbolas Esperanto kaj por kiuj laboras niaj lingvanoj. Tute ne volante trudi tagordon al tiuj, kiuj pripense rezistas ĝin, mi volas tamen uzi la simbolan valoron de tiu ĉi tago por atentigi ĉiujn, ke ekzistas tiu ĉi eblo en nia repertuaro.

Tiuj inter ni, kiuj pripense rezistas al la tagordo de la multlingvismo, kaj kiuj volas unike Esperanto-parolantan homaron (forgesintan ĉiujn aliajn lingvojn) morgaŭ, estas miaj "ne-amikoj". (Tiun ĉi esprimon mi lernis, koresponde, de la granda poeto Jiři Karen, kiu havis *nur amikojn – la jes-amikojn, kiuj ŝajne konsentas, kaj la ne-amikojn, kiuj ŝajne ne konsentas pri miaj pensoj – kaj ĉiuj miaj amikoj nutras mian pensipovon*.) Mi forte esperas, ke miaj ne-amikoj klarigos al mi antaŭ la Tago de UN de 2009, kiamaniere la homaro konservos sian scian bazon rilate la arbarajn riĉaĵerojn de ekz. Nov-Gvineo, se ĉiuj novgvineaj lingvoj pereos.

*Mia* Esperanto estas aliancano de la lingvanaroj, kiuj volas, ke ankaŭ iliaj lingvoj daŭrigeble kaj moderne vivu, kun plena konservo de sia tradicia scio-banko. Mi scias, ke aliajn Esperantojn parolas aliaj, kies ideo de moderneco ne baziĝas sur serioza estimo por la scioj de la indiĝenaj popoloj. Mi esperas, ke mi povas paroli kun tiuj ne-amikoj vere komunan Esperanton, per kiu ni pontos trans ĉi tiuj kaj parencaj diferencoj.

Mi intence elektis la temon de indiĝenaj popoloj en mondo, kies Unuiĝintaj Nacioj ankoraŭ ne metis antaŭ si formalan celon rekrei sin kiel unuiĝon de popoloj. Eble prave; eble ne la popoloj estu nia privilegia pripensa unuo; pro la leviĝanta konscio pri rasoj, pri seksoj, pri orientiĝoj, pri la apartaj rajtoj kaj bezonoj de handikapuloj, ni estas prave skeptikaj ankaŭ pri la nacioj. Tamen io devas funkciigi la trafikajn lumojn, kaj mi restas vetanto je la UN-sistemo, manke de pli bonaj proponoj, kaj pro la granda investo prave farita de la homaro. Mi ne vidas, ke ĉi-momente alian seriozan esperon povas formuli la demokratoj de la mondo. Por reveni al la dialogo kun miaj ne-amikoj – en demokratio, estas aparte grave paroladi trans la baroj kun la ne-amikoj en la diversaj opozicioj.

***Altestime al niaj opozicioj, sed espereble ne neglektante miajn jes-geamikojn,***
***Probal Dasgupta, Prezidanto de UEA***

## 110 VIZITANTOJ DUM LA MALFERMA TAGO

La 29-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA en sabato, la 29-an de novembro, allogis 110 vizitantojn el 14 landoj. En la agadkalendaro de UEA ĝi estis la lasta aranĝo dediĉita al la 100-jariĝo de la Asocio.

La programo estis tre abunda. La ĉefa preleganto estis la ĉi-jara Grabowski-premiito Andreas Künzli, kiu faris du prelegojn. En la unua li parolis pri la vivo de Hector Hodler, la fondinto de UEA, kaj ankaŭ pri li kiel modelo por verkoj de sia patro, la pentristo Ferdinand Hodler. En sia dua prelego Künzli ekskursigis la aŭskultantojn tra Ĝenevo, kun salto al Berno, konigante la lokojn, kie troviĝis la Centra Oficejo dum la svisa periodo de UEA.

Ĉi-jare ankaŭ Institucio Hodler festis rondan datrevenon. Pri la celoj kaj historio de la 40-jara financa subtenanto de UEA parolis Grégoire Maertens, ĝia preskaŭ dekomenca estrarano kaj longtempa prezidanto. La prelegoj de Künzli kaj Maertens okazis en la konferencejo de CO, kiu ĉi-foje estis ankaŭ koncertejo, kie dufoje kantis kaj gitarludis Alejandro Cossavella el Argentino.

Paralela programo okazis en la biblioteko. Andreas Künzli prezentis sian imponan verkon "Universalaj lingvoj en Svislando", Ziko van Dijk lanĉis la gvidlibron "Vikipedio por vi", kaj Marek Blahuŝ parolis pri "Esperanta kulturo: Ĉu konservinda elektronike?". Aparte atendita estis la lanĉo de "Esperanto estas...", DVD, kiu en moderna, alloga maniero prezentas Esperanton por la ekstera mondo. La nova filmo naskiĝis el multnacia kunlaboro kadre de "Esperanto ĉe Interreto", kies aktivuloj prezentis sian agadon ankaŭ dum aparta progamero.

La Libroservo de UEA vendis dum la tago librojn k.a. varojn por 2701 eŭroj. Pleje furoris "Vikipedio por vi", de kiu vendiĝis 12 ekzempleroj. Po 11 ekz. estis venditaj la Esperanta kaj franca versioj de la Esperanto-dokumento "Esperanto kaj lingva diverseco" kun intervjuo kun la fama lingvisto Claude Hagège. Aliaj libro-furoraĵoj estis "Afero de espero", historio pri la afrika Esperanto-movado de H.Goes (10 ekz.), la gvidilo "Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA" (8 ekz.), la romano "Vismar" de I.Nemere (7 ekz.), la UEA-historio "Utila Estas Aliĝo" de U.Lins (6 ekz.), la ekzercolibreto "Poŝamiko" de B.Allée kaj K.Kováts (6 ekz.), kaj la tria volumo de "Beletra Almanako" (5 ekz.). Inter la aliaj varoj la plej popularaj

estis la pollingva informa disko “Esperanto – Ciekawe informacje o esperancie” (10 ekz.) kaj la nova DVD “Esperanto estas...” (7 ekz.). En propra kategorio ankaŭ laŭ la vendonombro plej sukcesa estis la folio kun dek poŝtmarkoj pri la UEA-jubileo, vendita en 66 ekzempleroj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## 1887 MEMBROJ UZAS LA JARLIBRON RETE

La nombro de individuaj membroj de UEA, kiuj registriĝis kiel uzantoj de la reta Jarlibro ĉe <http://reto.uea.org>, atingis 1887 la 23-an de oktobro. Proksimume triono de la individuaj membroj utiligas tiun eblecon, kiu estis enkondukita en aprilo 2005 kaj kies plej evidenta avantaĝo kompare kun la presita Jarlibro estas ĝia konstanta ĝisdateco. Ne nur la adresinformoj de delegitoj estas aktualaj, sed ankaŭ novaj delegitoj troviĝas tie tuj post la registro de ilia delegiteco en la Centra Oficejo.

Per la reta Jarlibro alireblas ankaŭ aliaj informoj, ekz. pri landaj kaj fakaj asocioj, kaj pri la gvidorganoj de UEA kaj TEJO. Granda faciligo estas la eblo rekte skribi al la retadreshavaj delegitoj, komitatanoj, estraranoj, perantoj k.a. funkciuloj de UEA, TEJO k.a. asocioj. Individua membro povas ankaŭ kontroli la personajn informojn pri si mem kaj sciigi la Centran Oficejon pri eventualaj korektendaĵoj. Tiuj, kies membrokotizo rajtigas ricevi la revuon *Esperanto*, povas pere de la reta Jarlibro legi ĝian plej novan numeron jam, kiam ĝia papera versio ankoraŭ estas presata. Eblas elŝuti PDF-version ne nur de la plej lasta numero sed ankaŭ de pli fruaj numeroj ekde 2004. Junaj membroj kaj Patronoj de TEJO povas elŝuti numerojn de *Kontakto* ekde 2004 kaj de *TEJO Tutmonde* ekde 2006. Iom post iom oni aldonos pli da eblecoj kaj servoj. Por utiligi la retan Jarlibron necesas unue registriĝi kiel uzanto ĉe la adreso <http://reto.uea.org>.

Same kiel inter la individuaj membroj ĝenerale, ankaŭ en la uzantaro de la reta Jarlibro la plej granda lando estas Francio, kun 196 uzantoj, t.e. 34,2% de la tieaj membroj. En la pinta deko troviĝas krome Usono (143 uzantoj – 46,6%), Germanio (137 – 26,1%), Brazilo (114 – 36,1%), Japanio (95 – 23,9%), Italio (75 – 36,4%), Nederlando (74 – 29,5%), Hispanio (65 – 45,1%), Rusio (63 – 30,7%) kaj Belgio (59 – 3 7,1%).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## BULLER VIZITIS KOREION

Osmo Buller, la Ĝenerala Direktoro de UEA, vizitis Korean Respublikon de la 16-a ĝis la 21-a de oktobro. Li partoprenis en la 40-a Korea Kongreso de Esperanto, kiu okazis en la urbo Busan la 18-an – 19-an kun ĉ. 170 kongresanoj. Buller prelegis en la kongreso pri la temo “UEA kiel reprezentanto de esperantistoj sur mondaj forumoj”, omaĝe al la forpasinta prof. d-ro Lee Chong-Yeong, kiu dum sia agado kiel Prezidanto de UEA donis fortan impulson al la agado de UEA ĝuste en tiu kampo. Buller kontribuis ankaŭ al simpozio pri la kongresa temo “Esperanto en perspektivo: En la nova ondo de monda civilizacio”, kiun gvidis s-ro Ho Song, estrarano de Korea Esperanto-Asocio pri internaciaj aferoj. La kongreso havis tre interesan programon: okazis pluraj fakkunsidoj, prelegoj, riĉenhava interkona ves-

pero i.a. kun teatraĵo, kaj Esperanto-kurso por infanoj.

Unu tagon la Ĝenerala Direktoro de UEA dediĉis al konatiĝo kun la kondiĉoj por eventuala okazigo de Universala Kongreso de Esperanto en Busan en la jaro 2012. Post la sukcesa Seula UK en 1994 koreaj esperantistoj, kun forta subteno de urbaj kaj landaj aŭtoritatoj, pretas gastigi duan UK-on ĝuste en Busan, kie troviĝas elstare bona kongresejo. Kandidatiĝo de Busan por UK 2012 estis la ĉefa diskuttemo dum la renkontiĝoj de Buller kun la Busana vicurbestro s-ro An Joon-Tae, kaj poste en Seulo kun la vicprezidanto de la Korea Turisma Organizaĵo s-ro Hong Ju Min kaj la ĉefmanaĝero de la Korea Kongresa Buroo s-ro Jaesung Rhee.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## KONGRESA TEMO KUN DU DIMENSIOJ

En 2009 oni festos la 150-an datrevenon de la naskiĝo de d-ro L.L.Zamenhof. Tre konvene UN proklamis la saman jaron Internacia Jaro de Interpaciĝo. Estis do nature, ke la Estraro de UEA inspiriĝis de tiu koincido, kiam ĝi elektis " 'Krei pacan ponton inter la popoloj': Zamenhof hodiaŭ" kiel la temon de la 94-a Universala Kongreso de Esperanto, okazonta de la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto en Bjalistoko (Pollando). La citaĵo en la vortumo de la temo estas el la parolado de Zamenhof en la Kembriĝa UK en 1907.

La kongresa temo estos vaste traktata en la oficiala programo de UK, sed la Estraro esperas, ke ankaŭ fakaj asocioj konsideros ĝin en siaj propraj dumkongresaj kunsidoj. Krome, por la Internacia Kongresa Universitato oni bonvenigas prelegproponojn pri la kongresa temo. Ankaŭ la Belartaj Konkursoj aparte alvokas por siaj esea kaj filma branĉoj konkursaĵojn pri la temo. Fine, la temo evidente ne estas io specife rezervita por la UK. La Estraro instigas trakti ĝin en konvenaj manieroj kaj formoj en ĉiaj Esperanto-aranĝoj kaj en la Esperanto-gazetaro ankaŭ dum la cetero de la jaro.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## BJALISTOKA IKU INVITAS PRELEGONTOJN

Dum la 94-a UK en Bjalistoko okazos la 62-a sesio de Internacia Kongresa Universitato. UEA invitas universitatajn profesorojn, docentojn kaj personojn kun simila kvalifiko sendi proponojn pri prelegoj al la sekretario de IKU, prof. Amri Wandel (PK 767, IL-71799 Makabim, Israelo; rete <amri@huji.ac.il>) antaŭ la 31-a de januaro 2009. Lige kun IKU okazos studsesio de Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) kunlabore kun UEA. Proponantoj de IKU-prelego povas samtempe proponi AIS-kurson, kies unua prelego estos parto de IKU kaj kiu aldone havos du daŭrigajn prelegojn. Oni bv. indiki, ĉu la IKU-propono estu konsiderata ankaŭ kiel AIS-kurso. La prelegoj estu pri interesaj, allogaj temoj kaj taŭgaj por klera publiko. Estos aparte bonvenaj proponoj ligitaj al la temo de la 94-a UK (" 'Krei pacan ponton inter la popoloj': Zamenhof hodiaŭ"). Ĉiu propono enhavu mallongan resumon de la prelego kaj koncizan biografieton de la preleganto (kune ne pli ol unu paĝo).

La proponoj estos prijuĝataj de la Komisiono pri IKU kaj fine konsiderataj de la Estraro de UEA. La proponintoj estos informitaj pri akcepto aŭ neakcepto antaŭ la 15-a de aprilo 2009. La sukcesaj kandidatoj devos sendi kompletan tekston de

siaj prelegoj al UEA antaŭ la 31-a de majo 2009.

Ĉiu prelegonto devas esti kongresano kaj mem zorgi pri sia aliĝo. Prelego estos rekompencita per modesta honorario. Pliaj detaloj kaj antaŭaj IKU-prelegoj kaj -resumoj troviĝas en la IKU-paĝo ĉe <http://uea.org/dokumentoj/IKU>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## POŜTMARKO PRI LA 100-JARA UEA

Okaze de la 93-a UK en Roterdamo UEA mendis ĉe la poŝta kompanio TNT poŝtmarkon kun la kongresa simbolo. Ĝi fariĝis grandega sukceso kaj praktike elĉerpiĝis jam dum la Kongreso. Malgraŭ multaj petoj ĝi ne estis reeldonita, ĉar post UK ĝia temo ne plu estis aktuala. Nun ĝi estas ŝatata objekto ankaŭ ĉe neesperantistaj kolektantoj, kiuj en retaj aŭkcioj pagas por ĝi multe pli altan prezon ol la originala vendoprezo. La furoro de la kongresa poŝtmarko tamen instigis UEA mendi novan markon pri temo, kiu ja ankoraŭ aktualas: la jubilea jaro de UEA. La nova marko aperis en novembro kaj ĝia nominala valoro egalas al tiu de la enlanda afranko por ordinara letero en Nederlando. Ĝi montras la jubilean simbolon de la 100-jara UEA, desegnitan de Guillem Sevilla, kun la teksto "100 jaroj universala esperanto-asocio". La jubilea poŝtmarko estas vendata en folioj po 10 markoj kaj mendebla ĉe la Libroservo de UEA. Unu folio kostas 5,50 eŭrojn (plus afranko; kvanta rabato ne estas aplikebla). Ankaŭ tiu ĉi marko estis eldonita en limigita kvanto.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LIBROSERVA RABATO POR UEA-MEMBROJ ANKAŬ RETE

Jam tradicie la Jarlibro de UEA havis rabatkuponon, kontraŭ kiu la Libroservo de UEA donis al individuaj membroj de UEA 10-procentan rabaton je unu libromendo jare. La Jarlibro 2008 inkluzivis du tiajn kuponojn. Uzante la rabaton oni povis parte aŭ plene regajni la pagitan membrokotizon, sed ĉar temis pri paperaj kuponoj, ili ne estis uzeblaj ĉe retaj mendoj. Krome, pro pietato la plej bibliofilaj membroj domaĝis detranĉi paĝon el sia Jarlibro. Tiaj problemoj ne plu ekzistas, ĉar la Libroservo enkondukis retan varianton por la rabatkupono.

Butikumante pere de la reta katalogo ĉe <http://katalogo.uea.org/>, individuaj membroj de UEA povas nun indiki ĉe la koncerna demando, ke ili deziras utiligi la 10-procentan rabaton. Necesas mencii sian UEA-kodon, por ke la programo povu kontroli, ke la mendanto efektive estas individua membro. Tiuj, kiuj estas individuaj membroj en 2008, rajtas uzi la rabaton dufoje. Sekve, kiu jam uzis unu rabatkuponon el la Jarlibro 2008, rajtas fari duan rabatitan mendon rete. Kiu tute ne uzis la rabaton, povas do ankoraŭ fari du mendojn kun rabato de 10%. Ĉar la reta rabato estis enkondukita tiel proksime al la jarfino, la individuaj membroj de 2008 rajtos utiligi ĝin ankoraŭ ĝis la 31-a de januaro 2009. Pagante kotizon por 2009 oni denove ricevos rajton je du rabatitaj mendoj. Por la dumvivaj kaj honoraj membroj tiu rajto kompreneble aŭtomate renoviĝas ĉiujare.

La 10-procenta rabato ne estas kombinebla kun aliaj rabatoj. Se oni mendas minimume 3 ekzemplerojn de iu titolo, la reta mendilo aŭtomate kalkulas pli altan rabaton, t.e. 1/3 por eldonaĵoj de UEA kaj TEJO, kaj 1/6 por aliaj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2009

**Individua kotizo** – 120 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 12 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM.

**Dumviva kotizo** – 3000 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 300 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 40 rub. (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM); la familiajn kotizojn rajtas pagi samadresaj parencoj de individuaj aŭ dumvivaj membroj.

**Rabatita individua kotizo** – nelaborantaj gejunuloj kun la aĝo malpli ol 26 jaroj pagas 50% de la kotizo.

**Subtenkotizoj** (ĉio la sama kiel por la individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – duobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 40 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 200 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 230 rub. (ekster Rusio – 15 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilon, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo kaj “Komencanto” sendu (poŝtmandate) al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область.** La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA. (Pri pliaj pagmanieroj informiĝu ĉe Mikaelo Ĉertilov rete <membreco@reu.ru>, telefone +7-916-2019437 aŭ poŝte laŭ la supre indikita adreso.)

# Eksciu, ke...

## TEO ESPERANTE, ĈINE KAJ JAPANE

Tiel nomiĝis nova programo organizita de Uljanovska E-klubo la 16-an de novembro. La temo ne estis hazarde elektita. Niaj klubanoj scias ĝuste, ke sen teo esperantistoj ne ekzistas. La aranĝon ĉeestis 16 esperantistoj, komencantoj kaj daŭrigantoj.

Komence al la klubanoj estis proponita esperantlingva teksto pri japana te-ceremonio. Ĉiuj devis legi la tekston, respondi demandojn kaj traduki kelkajn vortkombinojn en Esperanton. Poste oni rakontis unu al la alia pri te-ceremonio, uzante tiujn vortkombinojn.



Ivan Kaĉalov preparis malgrandan rakonteton pri ĉina te-ceremonio. Poste sekvis tasko: oni devis skribi ĉine la vorton “teo”. La modelo estis surekrane.

Te-ceremonio ne eblas sen floroj, kaj Ĵenja Muĥina instruis al ni florfaradon el papero. La instruado daŭris longe, sed la rezultoj estis bonegaj: granda bukedo ornamis la tablon por te-ceremonio.

Poste ni spektaklis. Du teamoj surscenigis malgrandan rakonteton “Trinku teon – estu sana”.

Dum te-ceremonio japanoj kutime konversacias pri arto kaj beleco. Ni decidis legi kaj verki poemojn. Ili nomiĝas hajkoj. Komence ni legis la esperantlingvan tekston, kiamaniere oni devas verki hajkojn. La ĉeestantoj konatiĝis ankaŭ kun hajkoj de nia amiko el Irkutsk Nikolao Neĉajev. Li sendis ilin speciale por nia kun-

veno. Ni ricevis ankaŭ kelkajn hajkojn de japanaj poetoj, senditajn de Klara Ilutoviĉ. La klubanoj dankas ilin ambaŭ. Fine ni mem provis verki hajkojn dum kelkaj minutoj. La reguloj por hajkoj estas facilaj: 17 silaboj (5+7+5). La unua verso – hokku – estas "saluto respondanta al la sezono", ĉar la ĉiutaga vivo de japanoj estas kunligita kun sezonoj. Sed ni legis, ke lastatempe oni versas sen sezona vorto, libere de la tradicio. Tiu tasko tre plaĉis al ĉiuj, kaj ni versis Esperante kaj ankaŭ ruslingve.

Bona teo estis ĉiam multekosta. Sergej Abramov iomete rakontis pri japana kaj ĉina monoj kaj montris kelkajn aĵojn el sia kolekto. Sed ni ne scias, ĉu tio sufiĉus por aĉeti bonan verdan ĉinan teon.

Jurij Karcev kolektas kalendaretojn. Li havas en sia kolekto ion kunligitan kun la temoj "Teo", "Ĉinio", "Japanio". Estis interesaj ekzempleroj. Ankaŭ albumoj kun bildoj de japanaj pentristoj kaŭzis intereson.

Bibliotekistoj el Palaco de Libroj ekspoziciis librojn pri te-ceremonio en diversaj landoj.

Kaj poste ni trinkis veran ĉinan teon "Kaliko de juneco" kun dolĉaĵoj. Dum tetrinkado sonis speciala ĉina muziko por te-ceremonio.

Fine la klubanoj spektis filmon pri japanaj tradicioj, kiu impresis ĉiujn.

"Rezolucio" de la kunveno: Trinku teon kaj estu sana!

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## VENONTAJ INTERNACIAJ ARANĜOJ

*Germana Esperanto-Kongreso kaj la 8-a Eŭropa Esperanto-Kongreso, Pentekosto 2009 (Herzberg am Harz, Germanio).* Ĉi tiun duoblan kongreson okazigos la Germana Esperanto-Asocio kaj la Eŭropa Esperanto-Unio de la 28-a de majo ĝis la 3-a de junio. La ĉeftemo estos "Esperanto por multkultura Eŭropo". Pliaj informoj: <http://www.tejo.org/eo/node/821>.

*Itala Kongreso en Cassino, 2009.08.27-09.03.* Itala Esperanto-Federacio invitas vin al la 76-a Itala Kongreso de Esperanto en la urbo Kasino, mezvoje inter Romo kaj Napolo. Pliaj informoj: <http://www.tejo.org/eo/node/819>.

*E-o "Radionokto" – januaro 2009.* Ĝi okazos en la studioj de la radiostacio "Bermudafunk" en Mannheim (Germanio) semajnfine, meze de januaro. Pliaj informoj: <http://www.tejo.org/eo/node/818>.

*Someraj Kursoj en Aŭstralio, de la 11-a ĝis la 25-a de januaro 2009.* La somerkursaro de Aŭstralia Esperanto-Asocio okazos en Sidnejo. Venu al la bela Sidnejo por ĝui ekskursojn, klasojn, prelegojn ktp en Esperanta etoso. Pliaj informoj: <http://www.tejo.org/eo/node/814>.

*Vintra Folklora Festivalo "Malanka", la 14-an de januaro 2009 en Ukrainio.* Pliaj informoj: <http://www.tejo.org/eo/node/799>.

***(tejo-aktuale)***

## ILEI-KONFERENCO EN 2009

Karaj samideanoj, ILEI estas la unua E-organizo, kiu jam konferencis en ĉiuj kontinentoj de la mondo! Post la sukcesaj konferencoj en Azio (2007) kaj Afriko (2008) la senlaca ILEI daŭrigas sian laboron kaj denove invitas vin al sia sekva

konferenco en 2009 – ĉi-foje en Eŭropo (por 2010 jam estas planite konferenci en Ameriko). En 2009 ILEI festos sian 60-jariĝon, kiu koincidos kun la 60-jariĝo de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj kaj la 150-a naskiĝdatreveno de L.L.Zamenhof.

Kie ILEI festos tiujn gravajn por la E-movado jubelojn? – En la naskiĝlando de Zamenhof – en la reĝa urbo Krakovo (Pollando), sidejo de sia pola sekcio. En la urbo, kiu jam gastigis du UK-ojn, IJK-on, Medicinistan kongreson, ĝi ĉiujare okazigas "Esperantajn tagojn de Krakovo".

Kiam okazos la festa kunveno? – La 17-an – 25-an de julio 2009, senpere antaŭ UK.

Venu al la 42-a konferenco de ILEI en la Jaro de Interpaciĝo 2009 por omaĝi la donacon de Zamenhof al la homaro apoge al la lingvaj kaj kulturaj homaj rajtoj. Venu diskuti pri konferenca temo "La pedagogio de Esperanto antaŭ la defioj de interkultura komunikado" kaj pasigu antaŭkongresan semajnon inter E-instruistoj, kiuj zorgas pri disvastigo de nia lingvo instruante ĝin.

Bonvolu viziti la retpaĝon de ILEI <http://www.ilei.info>, kaj tie vi trovos: varbilon, la Unuan Informilon, retan aliĝilon kaj informojn pri aliaj konferencoj.

La Unua Informilo kaj reta aliĝilo aperos ankau en IPR (Internacia Pedagogia Revuo) № 4/08. Se vi havas ideojn, proponojn, demandojn, komentojn, rimarkojn – vi ĉiam estas bonvenaj skribi al: ĉefa loka organizanto Malgosia Komarnicka <margareta.ilei.pollando@gmail.com>, prezidanto de ILEI Radojica Petroviĉ <rade@ikso.net>.

***(landa agado)***

## TIĤVINAJ ESPERANTISTOJ EN LUKSA MAGAZINO

En la luksa magazino "ZAGOROD. Predmestja Peterburga" ("EKSTERURBO. Antaŭurboj de Peterburgo"), № 9 (septembro 2008), eldonata en A3-dimensio, eldonkvanto 15 000 ekz., aperis kvarpaĝa raporto, titolita "Tiĥvinskaja esperantura" ("Tiĥvina esperantumo"). La raporton formas redaktora prefaco pri esperanto, kelkaj intervjuoj kun fotoj de la intervjuitoj (Aleksandr Belov, Mikaelo Bronŝtejn, Nina Djomuŝkina, Viktor Kandalinskij, Nadeĵda Zdrogova) kaj kelkloke dismetitaj frazaroj rus-esperantaj. La raporto estas farita perfekte, ĉar a) la informoj pri la lingvo ne entenas ion stultan aŭ mal-


16 Загород предместья Петербурга № 9 (21) сентябрь 2008 стр.

репортаж

**Тихвинская эсперантура**

Текст Иван Тептёлкин
Фото Алексей Тихонов

*В конце XIX века один варшавский окулист придумал новый язык. Интернациональный и нейтральный язык, который помог бы людям построить новый мир справедливости и братства. Мир до Вавилонского столпотворения. Новую Аркадию. С братством ничего не получилось. А вот язык до сих пор жив.**

bonan; b) la intervjuoj estas prezentitaj fidinde, sen fuŝaj ŝanĝoj. Emfazindas, ke "nia" estas ankaŭ la kovrilpaĝo de la magazino: fone de arbaro kun lageto staras nuda persono, ŝirmanta sin per paperfolio duonkorpe granda. La paperfolio prezentas tekston en esperanto: "En la fino de la XIX jarcento varsovia okulisto inventis novan lingvon. La lingvon internacian kaj neŭtralan, kiu devus helpi la homojn krei novan mondon de justo kaj frateco. La mondon antaŭ Babelturo. La novan Arkadion. Pri la frateco oni ne sukcesis. Sed la lingvo restas vivanta". Sube estas piednoto, ke la tradukon legantoj trovu en la koncerna paĝo. La magazino enhavas, krom diverstemaj artikoloj, abundan reklamon kaj estas distribuata senpage en hoteloj, luksaj restoracioj kaj artgalerioj de Peterburgo. Verŝajne, la peterburganoj povas peti ĝin ankaŭ ĉe la redaktejo: *B.Morskaja 31 of. 11-N*. Bedaŭrinde la magazino ne havas retpaĝaron.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## LF EN ODESSA



La 11-an de oktobro 2008 en Odessa okazis Lingva Festivalo "Ĉielarko de lingvoj", dediĉita al la Jaro de Lingvoj – 2008, Tago de Lingvoj – la 26-a de septembro kaj Ago-Tago – la unua sabato de oktobro. Organizis kaj gvidis la Festivalon Odesa junulara Esperanto-klubo "Verdaĵo".

Tiu Festivalo estas jam la kvara en Odessa: antaŭe tiaj Festivaloj okazadis en 2001, 2003 kaj 2006.

Ĉi-jare ĝin partoprenis kelkcent personoj, kiuj aŭskultis prezentadojn de 18 lingvoj: azerbajĝana, araba, belorusa, bulgara, ĉina, Esperanto, germana, greka, hindia, itala, korea, kurda, latina, malaja, persa, pola, rusa, vjetnama.

***Tatjana Auderskaja, gvidantino de JEK "Verdaĵo" (Odessa)***

## LA 8-a INTERNACIA HIMALAJA RENKONTIĜO 2009

La Nepala Esperanto-Asocio ĝojas anonci la okan 12-tagan Internacian Himalajan Renkontiĝon por konigi sian landon al alilandaj esperantistoj. Ĝi okazos de la 26-a de februaro ĝis la 10-a de marto 2009 en Anapurna (Nepalo).

Apenaŭ ekzistas iu lando en la mondo, kiu povus rangi samnivele kun Nepalo rilate naturan, etnan kaj kulturan diversecon. Partoprenante la renkontiĝon, vi havas la ŝancon formi vian propran bildon de la lando kaj samtempe konatiĝi kun lo-

kaj kaj alilandaj esperantistoj kiuj partoprenos la samajn programerojn.

Vi pasigos la unuajn kaj lastajn tagojn de la renkontiĝo en Katmando-valo, kie situas la ĉefurbo de Nepalo. Ĝian riĉan kulturan pasintecon atestas tieaj historiaj distriktoj kaj monumentoj, notinde tiuj de la plej grandaj Patano kaj Bhaktapuro, kie vi povos vidi kiel nevaraj kaj tamangoj, la originaj etnoj de la valo, restas fidelaj al siaj jarcentaj tradicioj malgraŭ la multflanka moderniĝo de la valo.

La ĉefa parto de la renkontiĝo programo estos vojaĝo al alia granda valo de Nepalo – Pokhara, situanta okcidente de Katmando je 200 kilometroj. Survoje vi haltos por fari rajdon flose sur la rivero Trisuli.

De Pokhara vi entreprenos Beshisahar – rondpiedvojaĝon ĝis Pokhara tra Anapurna Himalaja Regiono, dum kiu vi havigos al vi (krom kelkajn dolorajn muskolojn!) bonegan ideojn pri la montara vilaĝa vivo, tiel kiel la plejmulto de la popolo ĝin spertas tage.Vi ankaŭ ĝuos majestajn vidaĵojn de la Himalajaj montaroj de Anapurna, Nilgiri, kaj Daŭlagiri.

Dum via restado vi loĝos en bonkvalitaj hoteloj kun matenmanĝo. Ĉiuj manĝkostoj (en la montara parto) kaj aliaj kostoj en Nepalo estas inkluzivitaj en la aliĝkosto, sed tiu ne ampleksas asekuron. La kotizo estis kalkulita por kovri la kostojn – ne por gajni monon.

La programo estas planita por ke ĝi taŭgu al ĉiuj aĝogrupoj. Ĉi-foja itinero estas preskaŭ virga kaj ne difektita pro troa turismo.

La kotizo por rusianoj varias (depende de la aliĝperiodo) de 500 ĝis 550 usonaj dolaroj por 1 persono. Ĝi validas por dulita ĉambro; se vi deziras unulitan ĉambron, bv. aldoni 50 usonajn dolarojn, tamen la dum montara piedvojaĝo unulita ĉambro ne estas garantiita.

La adreso de la Organiza Komitato: *Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O. post box no: 8974 cpc 102 Kathmandu, Nepal*; telefonnumero: +977-1-6209877. Por la informoj turnu vin rete al Razen Manandhar <razeno@gmail.com>, Sree Pokharel <shree_pokharel@yahoo.com>.

***La Organiza Komitato***

## ITALAJ ESPERANTISTOJ KAJ NEESPERANTISTOJ PRI LINGVAJ RAJTOJ

La 25-an de novembro en Florenco en la historia "Palazzo Vecchio" Itala Esperanto-Federacio aranĝis kunvenon pri Homaj Rajtoj kaj Lingvaj Rajtoj. Estis tre verŝajne la plej solena okazaĵo dum la jaro 2008, Internacia Jaro de Lingvoj, aranĝita en Italio.

La kunveno estis aranĝita de "Esperanto Italia" (alia nomo por IEF) kun la kunlaboro kaj la aŭspicioj de Accademia della Crusca (Akademio pri la itala lingvo), la Nacia Unesko-komisiono, la urbo Florenco kaj la Accademia Eurolinguistica-sud (europa asocio de lingvistoj).

Parolis pri "Homaj Rajtoj kaj Lingvaj Rajtoj" la honora prezidanto de "Crusca" Francesco Sabatini, fama itala lingvisto, kaj 8 aliaj profesoroj el pluraj italaj kaj svisaj universitatoj.

Estis tuŝitaj pluraj temoj, de la decido de la Tribunalo de EU kontraŭ la decido

aperigi anoncojn pri dungado de funkciuloj nur en la angla, franca kaj germana ĝis la rolo de la araba en Unuiĝintaj Nacioj.

Ĉiuj neesperantistoj agnoskis la rolon de Esperanto por protekti lingvajn rajtojn en la kadro de samrajta internacia komunikado.

La Aktoj de la kunveno estas nun redaktataj.

***(Informitale)***

## LA KURADO SURVOJE AL LA SANO




En junio 2008 mi komencis okupiĝi pri kurado kaj partoprenis jam kvin kuradojn je diversaj distancoj: 5 km, 10 km, 21 km.

Antaŭ la dua kurado organizantoj ankoraŭ ne havis numerojn, al mi helpis nia klubanino kaj donis al mi provizoran numeron. Por la sekva kurado mi jam pentris per markiloj sur blanka T-ĉemizo mian konstantan numeron "99" kun surskribo "Esperanto – Uljanovsk" por reklami nian klubon.

La plej grava kaj sukcesa por mi estis la duonmaratona kurado "Tuŝna – Sengilej" (21km 97,5m). La vojo estis por mi nova, sed interesa: komence la kvinkilometra supreniro, poste la kvinkilometra distanco – ebena vojo. La lasta parto de nia itinero estis la plej malfacila. Miaj kruroj jam laciĝis kaj senkontrole rapidiĝis de la monto. Mi devis bremsi. Malgraŭ ke pluvetis kaj la maldekstra gambo doloris, mi sukcesis venki en miaaĝa kategorio. En la atingejo ĉiujn kuradulojn oni regalis per varmega dolĉa teo. En la distrikta kulturdomo okazis solena premiado de venkintoj. Mi ricevis medalon, diplomon, honoran akton kaj valoran donacon. Tiun ĉi venkon mi dediĉis al ĉiuj esperantistoj.

Karaj amikoj, samideanoj, plivastigu la mondon de viaj interesoj, rakontu pri tio al homoj. Mi pensas, ke tio estas nia komuna afero por propagando de E-movado.

***Sergej Abramov (Uljanovsk)***

la verda KoRo

kultura revuo

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2009

La gvida Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA, invitas partoprenantojn por la 60-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 94-a Universala Kongreso en Bjalistoko. Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en UK. La konkursaĵoj devas esti novaj kaj, escepte de la infanlibroj kaj kantoj, antaŭe ne publikigitaj en ajna formo. Krome validas jenaj kondiĉoj:

POEZIO: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

PROZO: Maksimuma longo 200×65 karaktroj. Tri premioj.

TEATRAĴO: Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

ESEO: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo (“ ‘Krei pacan ponton inter la popoloj’: Zamenhof hodiaŭ”). Proksimuma longo 10 tajpitaj paĝoj; ĉ. 400×65 karaktroj. Premio “Luigi Minnaja” kaj du aliaj premioj.

FILMO: Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo (vd. sub Eseo). Daŭro 15-60 minutoj. Tri premioj.

KANTO: Originala, publikigita en 2008 (la teksto kaj melodio povas esti verkitaj de malsamaj aŭtoroj); publikigo signifas unuan publikan prezenton, aperigon en Interreto, aperigon en kompakta disko, k.s. Premio “An-Song-san” kaj du aliaj premioj.

INFANLIBRO DE LA JARO: Originala aŭ tradukita libro (ne lernolibro), presforme aperinta en 2008. Unu premio.

Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Por poezio, prozo, teatraĵo kaj eseo oni sendu ilin en unu ekzemplero; por la Infanlibra kaj Kanta branĉoj – en tri ekzempleroj. Principe ĉiuj konkursaĵoj, escepte de infanlibroj kaj filmoj, estas akcepteblaj rete.

Ĉiuj konkursaĵoj alvenu plej laste la 31-an de marto 2009. Ĉion oni adresu al: *Belartaj Konkursoj de UEA, ĉe Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio;* rete: <michela.lipari@tiscali.it>. La konkursaĵoj (krom kantoj kaj infanlibroj) estu pseŭdonimaj. La vera nomo kaj la adreso estu en aparta retmesaĝo aŭ koverto, se oni sendas la tuton poŝte. Premioj: Unua premio – 240 eŭroj; dua premio – 168 eŭroj; tria premio – 96 eŭroj; Nova Talento (por la plej bona konkursanto neniam premiita) – 168 eŭroj; Infanlibro de la Jaro – 504 eŭroj. Publikigo: La rajto je la unua eldono de la premiitaj verkoj ne jam eldonitaj apartenas al UEA, kiu ankaŭ poste rajtos aperigi ilin senpage en antologio de la Konkursoj.

Detala regularo haveblas ĉe *UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando;* Ĝi ankaŭ legeblas ĉe la retadreso:

<http://uea.org/dokumentoj/belartaj_konkursoj_regularo.html>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

### Du arboj aŭtune

Preme verda abio
Ĉe orflava betulo –
Plivigliga magio
Por malgaja oldulo.

Unu arbo flavbele
Memorigas pri suno,
La apuda malhele –
Pri pasem' de la juno.

Flavo, brun' antaŭ falo –
La ofer' al la sorto;
Tuj apude la malo:
Densa verdo sen morto.

Kial veon sugestas
De l' abio talaro,
Dum helige tempestas,
Nudiĝante, l' najbaro?

Unu ĉe la alia,
Ĉiam kune sur tero –
Senkompata kaj kria
Eksteraĵo de l' vero.

---

### Sklerozo

Venonta aĝopec' tenebras.
Disfloro – velko. Dom' – ruin'.
"Skleroz' ne kuraceblas, sed forgeseblas" [1] –
Ĉu, do, atenti ĝin?

Mi ne memoras – nu, kaj kio?
Natura kaj kutima stat'.
Ne venu tim' aŭ iluzio
De l' iel erarinta fat'.

Aldonan fojon legu ion,
Ripetu, notu – sen deprim',
Sen voki veran tragedion
Per neniige prema tim'.

[1] Eldiro atribuata al la fama aktorino Faina Ranevskaja.

La tempo flugas mort-enhava,
Por ĉio pretas ĝia frap'.
Suferas io same grava,
Se indulgata estas kap'.

La lacigita cerbo feblas.
Al ĉio iam venas fin'.
"Skleroz' ne kuraceblas, sed forgeseblas" –
Kaj mi forgesu ĝin!

Se mi sukcesos...

---

## ABONU E-GAZETOJN KAJ (RE)ALIĜU AL UEA

Abontarifo por la jara abono en 2009:
***"La Ondo de Esperanto"*** (Internacia magazino; ĉiumonata) – 450 rubloj;
***"Esperanto"*** (Oficiala organo de UEA; ĉiumonata) – 650 rubloj;
***"Kontakto"*** (Socikultura revuo de TEJO; dumonata) – 400 rubloj;
***"Heroldo de Esperanto"*** (Trisemajna informa gazeto) – 1400 rubloj;
***"Literatura Foiro"*** (Kultura revuo de LF-koop; dumonata) – 1300 rubloj;
***"Femina"*** (Revuo en Esperanto ne nur por virinoj; trimonata) – 870 rubloj;
***"Juna Amiko"*** (Por lernejanoj kaj komencantoj; kvarmonata) – 325 rubloj;
***"Monato"*** (Internacia magazino sendependa; ĉiumonata) – 870 rubloj;
***"Monato"*** (Reta versio de "Monato", Enciklopedieto) – 520 rubloj;
***"La Jaro"*** (Praktika poŝkalendareto de Monato) – 180 rubloj;
***"La Gazeto"*** (Mondkultura, sendependa; dumonata) – 325 rubloj;
***"Litova Stelo"*** (Organo de Litova E-Asocio; dumonata) – 250 rubloj;
***"La KancerKliniko"*** (Politika, kultura, skandalema; trimonata) – 500 rubloj;
***"Spegulo"*** (Socikultura sendependa revuo; trimonata) – 500 rubloj.

***UEA*** estas la plej grava kaj aktiva esperantista organizo. Ĝi havas pli ol ses mil individuajn membrojn en 120 landoj, ĉ. 100 aliĝintajn landajn kaj fakajn asociojn kaj la junularan sekcion TEJO. UEA havas konsultajn rilatojn kun UNo kaj Unesko. Membri en ĝi eblas en sekvaj kategorioj:

**MG** (Individua membro kun "Gvidlibro tra la Esperanto-movado") – 180 rubloj;

**MJ** (Individua membro kun "Jarlibro"; ĝis inkl. 29 jaroj – membro de TEJO kun "Kontakto" sen plia abonpago) – 430 rubloj;

**MA** (Individua membro; kiel MJ plus la revuo "Esperanto") – 1100 rubloj;

La jamaj membroj de UEA indiku sian UEA-kodon. Novaj membroj petu aliĝilon ĉe Halina Gorecka.

La kotizojn akceptas Галина Романовна Горецкая poŝte (236039, Калининград, аб. ящик 1205), banke (petu informojn pri la banka konto), kaj elektronike (Яндекс.Деньги, счёт 4100138523456). Kontakta retadreso – <sezonoj@kanet.ru>.

***Halina Gorecka, peranto de UEA***